# La KancerKliniko

**Politika Kultura Skandalema Ajnista**

5,50 €

**Juli' Aŭgust' Septembr' 2015** **n°155**

ISSN 0398-5822


## Bilance de l' U.K. 2015 en Lilio :

*Jen elstara agado finfine agnoskita :*

# Ĵak Le Puil diplomita far UEA !

*pro granda lingva utileco de La KancerKliniko...*

Kaj ĉijare ricevas diplomon pri elstara agado:

...

Ĵak LE PUIL (Francio) pro la eldonado de la revuo «La KancerKliniko» ekde 1976





Universala Esperanto-Asocio

Per tiu ĉi

DIPLOMO

al

ĴAK LE PUIL

la Estraro de Universala Esperanto-Asocio premias lin pro

elstara agado

por la Internacia Lingvo Esperanto.

Lillo, 1 aŭgusto 2015

Prezidanto de UEA

*Grava konstato en biologio :*

# La esperanto-geno estas recesiva !

*jen kiel tio aperis en la Podia Diskuto Zamenhofa...*



Zaza nepo : Sufiĉe bone parolas

Filino de l' Zaza nepo : Sufiĉe bone balbutas

Nepo de l' Zaza nepo : Sufiĉe bone kapablas eldiri sian nomon (nacilingve) kaj "jes"

*Vidu lastan paĝon*



# Zhao Ji

(Ĉina imperiestro Song Huizong, 1082 - 1135)

--- laŭ melodio <Ebrio en Printempa Zefiro>

trad. **Hu Guozhu**

**Lasu nin kundrinki ĉe-amfore,**
**brakumi molan jadon fervore.**
**Kuŝu en mia sino amore.**
**Ho, dolore, dolore, dolore!**
**Karulon ŝi forpuŝis.**
**Aŭdiĝis vibra krio,**
**pro deflorad'pudore.**

**Komencu per korpa rajd-ascendo!**
**Nun inter ni jam nenia fendo.**
**Ĉifoje provludu kun pretendo.**
**Ho, kresĉendo, kresĉendo, kresĉendo!**
**Kruciĝu niaj brakoj,**
**ankaŭ lipoj al lipoj,**
**kaj langoj per transsendo.**



**LaKancerKliniko**
*Kultura, politika, skandalema, ateista*

**lkk@free.fr**

**N° 155**
**Julio/Aŭg./Septembro 2015**

Directeur de la publication
**Ĵak Le Puil**
"Les Cocherats"
F-18210 Thaumiers

CPPAP 1017 K 82202

tel. (0)2 48 61 81 98
(ne antaŭ la 11-a matene, dankon!)

**Abono: 27,50€** (ekde 16 € fakte)
Ĝi komenciĝas iam ajn tra la jaro

4 n-roj + La Krom

**Pago**: Jacques Le Puil
pĉk 12 729 73 x Paris
IBAN: FR44 2004 1000
0112 7297 3X02 088
BIC: PSSTFRPPPAR
aŭ tra geperantoj
aŭ UEA: klik-g

**Nia memoraĵisto**
**Laŭrenco Septier**
BP 174
F-13444 Marseille
Cantini cedex

**Kunlaborantoj**

**Serge Sire**
**Ĵak Le Puil**
**Michel Duc Goninaz**
**Laŭrenco Septier**
**Sen Rodin**
**Raymond Fries**
**Hu Guhozu**
**bastarda ljo**
**Jacqueline Lepeix**
**Ian Fantom**
**Svetlana Konjaŝova**
**Edmond Ludwig**
**Stéphane Brault**
**Julia Sigmond**
**Lilia Ledon**
**Ŝarlerik d'Arroi**
**Marcel Lemeltier**
**Armela LeQuint**

# Post la UK en Lillo

En paĝo 2 jen Zhao Ji-n tradukita de Hu Guozhu.

Ĉar mi havis la ŝancon partopreni la ĉi-jaran UK-on, mia Kuracoservo forlasas politikon kaj raportas pri ĝi.

Ĉar Michel Duc Goninaz ne partoprenis la UK-on, li daŭre spitos vin per sia Taglibro, kaj plie per humure erotikaj senrjuoj! Ĉu la tempo ekzistas sin demandas Raymond Fries. Pri la elmigrantoj, kiuj dronas en Mediteraneo, raportas Sen Rodin. Pri la centjara jubileo de Cicio Mar, ĉion diras al ni Hu Guozhu.

Jen LKK-bis kun multaj leteroj, de bastarda ljo, J. Lepeix, S. Rodin, R. Corsetti, Ian Fantom kaj S. Konjaŝova. Ĝuu la "Karikaklamadoj"-n de Paviz Shapour en trad. de E. Ludwig, la trian tabulon de Galgameŝ tra S. Brault kaj "Antaŭvidon pri Grekio" de S. Rodin. Memoraĵojn pri Steĉjo Norwell donas al ni J. Sigmond. Kaj jen reaperantino: Lilia Ledon kun du tradukoj, i.a. de Henri Michaux. Ŝarlerik d'Arroi daŭre tradukas "La Katon" de J-Louis Hue. Nun bonvenon al nova kunlaboranto: Marcel Lemeltier, kun traduko de poemo de R. Desnos. GeFadenoj far Sir', "Ne facilas" de Livella, elitaligita de S. Rodin. Fine gustumu Su Dongpo-n la ruĝan porkan viandon, dank' al nia ĉinologo Laŭrenco Septier.

*Ĵak Le Puil*

*******************

## Enhavo

# La Kuracoservo

*Ĵak Le Puil*

**UK en Lillo**

Por ĉi-fojo, mi lasu la politikan flankon de LKS! Ĉar ja multajn pozitivajn flankojn mi trovis en tiu 100-a UK.

Por la unua fojo LKK havis budon en la Movada Foiro de la vespera sabato, inter 120 aliaj. Kaj la rezulto estis tre pozitiva, kun multaj vendoj kaj eĉ du abonoj.

Dimanĉe mi prelegis pri San-Antonio kaj ĉefe pri "La maljunulino kiu paŝis en la maro" antaŭ multnombra publiko.

Posttagmeze la danco-spektaklon "Hafu –duobla kulturo: Francio kaj Japanio" ravis nin. Dum pli ol duonhoro mirinde dancis Flavie Audibert.

Kaj vespere la Nacia Vespero estis unu el la plej bona, kiun ni spektis. Finfine ne folkloraj (kaj tedaj) dancoj, sed riĉa kanzona prezento de La Kompanoj "Brel inter la gigantoj". Sub la impulso de Marcelo Redoulez, ni aŭdis multajn kanzonojn, i.a. "Kongresurboj" kaj "Lili", sed ankaŭ kanzonojn de Jacques Brel, mirinde kantitaj de Famo kaj unu vigle deklamita de Janine Dumoulin.

Lunde en la Kleriga Lundo, ni ĉeestis la "Prozo en E-o"n, gvidata de István Ertl, kaj mi prezentis "La minuto preskribita por la sturmo" kaj "Sonĝoj de kristalo", ambaŭ de Jérôme Leroy, Lila aŭtoro, en la Libroservo.

Marde, ni spektis teatraĵon "La Viro-semo", kun Sylvaine Le Magadure kaj Hélène Seigle de Aix-en-Provence. "En 1852 Napoleono Bonaparto organizas sian propran ŝtatrenverson kaj fariĝas imperiestro. Tiucele, liaj armeoj sovaĝe punas la ribelemajn respublikanojn. En provenca vilaĝo kiu fervore luktis, restas nur virinoj kiuj devas plenumi ĉiujn taskojn, kaj pluvivi dum du jaroj, solaj kun timo, ĉagreno, fizika manko de viro, sed ankaŭ kuraĝo kaj espero ke baldaŭ venos viro. Kaj jen, tio okazas. Ĉu la ĵuro pri kiu ili interkonsentis fariĝos la plej bona ideo? Duvoĉa teatraĵo de Violette Ailhaud. Tradukita de Daniel Moirand." La du aktorinoj mirinde ludis en bedaŭrinde ne taŭga salono, sen scenejo...

Poste ni spektis la muzikgrupon de Tuluzo "Vojaĝo", kun ses muzikistoj, i.a. Jean-Claude Patalano, saksofonoj/klarneto/fluto, kiu akompanis min en mia KD "Sen elizi'". Rava momento!

Vespere, koncerto de Gaetano... en la franca, krom du kanzonoj en E-o kaj poste la dinamika Zhou-Mack Fuila (sed malpli dinamikaj liaj akompanantoj!).

Jaŭde, koncerto de Morice Benin, kiu kantis kelkajn kanzonojn de sia KD "In-spir'", sed bedaŭrinde multajn aliajn en la franca!

Vespere la teatraĵon "Ĉagrenegoj", adapto de la franca teatraĵo de Courteline "Gros chagrins", en traduko de Vito Markov. La intrigo ne estas eminenta, sed la artistoj ja! Alexandre Bussereau, Romane Coumes kaj ĉefe Flora Markov profesie ludis.

Post tio ni ĝuis la mirindan piano-koncerton de la ruso Andrei Korobejnikov. Virtuozo li estas kaj oni povas aŭskulti lin en la tuta mondo, en Francio, Usono, Britio, Japanio, Usono, ktp.

Vendredo matene okazis la kunveno de OSIEK.

Kaj vespere la Internacia Arta vespero finfine ne estis amatora: ni ree aŭskultis Andrei Korobejnikov, poste mirindan ĵaz-duopon, la fratojn Slezák el Hungario, je piano kaj drumo, la germanan kantiston Ralph Glomp kaj dancistinon el Venezuleo. Ankaŭ venis la kongresa ĥoro kun solkanto de Anjo Amika. Post tiu IAV, koncertis Eruda Li de Hongkongo.

Pro ne intereso aŭ tutsimple kolizio kun aliaj programoj, ni ne spektis la koncerton de Gijom' Armide, la teatraĵon "Ursula – la krio de infano kontraŭ militoj", kun Malgosia Komarnicka, la koncerton "Junaj voĉoj", tiujn de "Kajto", de Ralph Glomp, de Platano, de Jonny M, la teatraĵon "Feliĉas ciuj", pri la problemo de migrantoj, kiun ni spektis pasintjare en Italio, la kongresan balon kun Kapriol', la koncertojn de Anjo Amika, de La teAmo FLOrante, de Tatiana, la teatraĵon de meksikaj infanoj "La vermeto", la koncerton de Maragan', la teatraĵon "Duonserioza lekcio pri Danto kaj Francio" kun Giulano Turone, la koncertojn de Jomo kaj la bodegistoj, de Martin kaj la talpoj, de Sepa kaj Asorti kaj de Vjera, kantistino-fabelistino!

Tre riĉa artprogramo!

# El la taglibro de nekuracebla optimisto

(sekvo)

*Michel Duc Goninaz*

**La 15-an de aŭgusto 1945**. Mi estas en libertempejo por junaj knaboj en la Pariza regiono — tamen en la kamparo : la urbaj infanoj, travivintaj la militajn jarojn, devas spiri sanigan aeron. Ni estas for de la kutima vivo, en kiu mi sciis pri ĉio, okazanta en la mondo. Nek gazetoj, nek radio… Sed hodiaŭ la gepatroj rajtas nin viziti. Mi demandas, kio novas en la Pacifika milito, kiu ankoraŭ ne finiĝis. Mia patro respondas : "Finite. Japanio devis kapitulaci. Usonanoj faligis sur ĝin teruregajn bombojn…". Kiaj estas tiuj teruregaj bomboj — tion mi eksciis pli detale poste. Ĉiuj ĝojis pro tiu militfino. Nur poste, jaron post jaro, ni komprenis, kio estas atombomboj,
Centmiloj da japanaj civiluloj senkompate pagis por la seninterrompa krima politiko de la Japania ŝtato ekde 1868, t.e. ekde la momento, kiam la japanaj regantoj decidis roli en la monda politiko. La konkretaj krimoj komenciĝis en 1894 kaj daŭris senĉese ĝis la 10-a de aŭgusto 1945.
Rezultas el tio, ke per la uzo de du atombomboj Usono iĝis — ĝis nun — la plej krimeca ŝtato en la tuta historio de la homaro.

**Hodiaŭ kaj hieraŭ.** La fiuloj, kiuj antaŭ dudek jaroj defendis la serbajn murdistojn kaj hodiaŭ aprobas la agresan politikon de la Putina bando, havas mirindan argumenton : inter tiuj, kiuj batalas kontraŭ la regantaj murdistoj, troviĝas "faŝistoj", "ekstremdekstruloj", "novnazioj" ktp. Rakonti la realan historion per manipulado de ideologiaj etikedoj estas ilia amata ĉevaleto. La laŭdiraj "faŝistoj" estas tiel potencaj, ke ili kapablas krei el nenio (tamen helpe de usonaj dolaroj) popolajn ribelojn, kiuj, ho ve, malstabiligas honorindajn reĝimojn, kiel tiu de Janukoviĉ. Argumentoj ne nur fiaj (kraĉo sur la ribelulojn), sed rekte paranojaj (teorio pri komploto). Tiajn argumentojn oni povis legi antaŭ kelka tempo en *LKK*.
Sed, ĉar mi estas senlime bonkora, mi proponas al amatoroj pri tiaj argumentoj mian malavaran helpon. Ili certe sentos sin hejme en la jena teksto, kiun mi ĵus elfosis. Jen la komentoj de la Franca "komunista" partio" en la gazeto *L'Humanité* pri tio, kio okazis en Hungario en oktobro 1956 (mi zorgis pri la traduko) :

"Barante la vojon al tiuj, kiuj estis aliancanoj de Hitlero, al la reprezentantoj de la reakcio kaj de Vatikano, kiujn la perfidulo Nagy enkondukis en la registaron, la hungara laborista klaso, per energia reago, formis laboristan kaj kamparanan registaron, kiu ekzorgis pri la aferoj de la lando. Tiu proletara registaro petis la Sovetian armeon kontribui al la restarigo de la interna paco. La Franca Komunista Partio plene aprobas la konduton de la laborista registaro de Hungario (….). Fronte al la senbrida kaj besteca ofensivo entreprenita de la faŝistoj, feŭdestroj kaj iliaj aliancanoj — la altrangaj eklezioj — por restarigi en Hungario la teroristan reĝimon de Horthy, estus nekompreneble, se la armeo de la laboristoj kaj kamparanoj de USSR ne respondus al la ricevita alvoko, dum la plej bonaj filoj de la hungara laborista klaso estis masakrataj, pendumataj, malnoble torturataj."

La "plej bonaj filoj de la hungara laborista klaso" estis la anoj de la politika polico de la reganta "komunista" partio, do spionoj, stukaĉoj, torturistoj kaj murdistoj, kiujn la revoluciuloj sukcesis kapti. Imageblas, kiel ili estis traktataj. Kelkaj el ili estis efektive pendumitaj ĉe la Budapeŝtaj stratlanternoj. Tial mi estas optimisto.

# Kelkaj humure erotikaj senrjuoj

## esperantigitaj de *Michel Duc Goninaz*

La ĉi-sekvaj senrjuoj originas el kolektoj de la 18a-19a jarcentoj. La referencoj indikas la nomon de la verko, la postaj ciferoj la lokon en la verko aŭ la dato. Ili estas klasitaj laŭ temoj. Aldonitaj estas kelkaj klarigoj, eble utilaj por ne-japanoj.

**La palac-damoj**

La palac-damoj
ŝajnigas nur, ke ili
*ĝin* ne sopiras
(S 2,19)

La palac-damo
perdis objekton, kiun
ŝi timas nomi
(Y 38.14)

"La tuberhavajn
mi jam forvendis ĉiujn"
diras ŝakristo
(S 208)

La palac-damo
kalkane tretas kaj tuj
singultas ĝue
(S 2,4)

La dam' akcelas
sian kalkanon ritme
kaj ekorgasmas
(S 2,31)

"Eĉ la kalkano
penetris" — ride diras
la palac-damo
(S 4,27)

Penetro reciproka.
"Ha ho, ha ho, mi mortas"
la damoj krias
(SF 366)

"Sed vera kaco,
nu, kiel do ĝi gustas?"
la dam' perpleksas
(S 4,7)

Al feriejo
la damoj ne kunportas
siajn gadmesojn
(M 1775)

**Geedzoj**

"Ĉu tolereblas?"
jen elegante diras
ŝi orgasmonta
(S 4,17)

"Mi ne plu regas
min!" — rafinite diras
ŝi orgasmonta
(S 4,17)

Forestas l' edzo.
Kolosa kaco dume
venis vizite
(S 4,19)

Miras la edzo,
vidante, ke l' edzino
kvar krurojn havas
(Y 153,22)

Vojaĝrevene
"Ŝi devus pli avidi"
pensas la edzo
(S 4,19)

Feliĉa, kiu
erekte sciis morti
en ĉi belino
(M 1785)

**Servistinoj**

Propono fika :
neniu servistino
tion rifuzas
(S 4,19)

Servistin-ĉambro.
Aŭdiĝas flustra peto:
"Nun mia vico"
(M 1764)

La servistino,
ŝatanta *ĝin* avide :
"Babilo poste!"
(S 3,1)

La servistino
sian kitelon uzas
nur por sterniĝi
(Y 32,11)

En Sagamio
la volon de la mastro
plenumas inoj
(Y 29,5)

Pordoj ŝlositaj?
En Sagami-provinco
ili apertas
(S1,15)

**Vidvinoj**

Per propraj fingroj,
kvazaŭ li plu ĉeestus,
vidvin' voluptas
((YH36)

Eĉ je malsupro
la larmoj de vidvino
jam ne sekiĝas
(YH19)

Sin sekvas l' edzoj
de la vidvin' tro bela.
Ha, kia vico!
(Y19,3)

"Nun multo ventren!"
detalas la vidvino
Sagami-lande
(YH, 20)

**Monaĥoj**

Erekte, Dokjo
sin kaŝi povas tuta
post sia kaco
(YH,16)

"Ho, mia Dokjo,
forpasas mia moŝto"
Koken ekstazas
(Y 85,14)

**Amoristinoj**

La vigla edzo
konsolas la edzinon
maten-revene
(Y 87,13)

Reven' matena.
"Jen nun mi devas krome
eĉ fiki hejme"
(SF 436)

Trifoje nokte
plus du por la edzino.
Matena laco…
(M 1786)

Li mortis fike.
"Mi kredis, ke li ĝuas"
ŝi protokolis
(S 2,26)

M : Mankuawase (Plena kolekto) (1765-1838). Referenco : la jaro
S : Suetsumuhana (la floro de l' fino), 4 volumoj (1776-1801). Referencoj : la volumo kaj la folio.
SF : Senryû Fûzoku jiten (Vortaro de l' moroj en senrjuo), eld. en 1962. Sen referenco.
Y : Yanagidaru (La salika barelo), 167 volumoj (1765-1838). Referencoj : la volumo kaj la folio.
YH : Yanagi no Hasue (La fino de la salikaj folioj), eld. en 1830-1843. Referenco : la folio.

La palac-damoj : filinoj de altranguloj, edukataj enfermite en la imperiestra palaco, sen rilatoj kun viroj. La popolo imagis, ke sian voluptemon ili kontentigis, krom esceptoj, per uzo de gadmeso, ĝenerale ligita al kalkano.

"la tuberhavajn" : gadmesojn, kompreneble.

Dokjo. La monaĥo Dokjo (Dôkyô), iĝinta ĉefministro, famis pro la imagite giganta formato de sia peniso.

Koken (Kôken). Imperiestrino (749-759 kaj 765-79), sub la influo de Dokjo dum la dua regado-periodo. Oni rimarku, kiel ceremonie ŝi parolas pri sia "forpaso" (t.e. orgasmo).

Sagamio. Provinco, situanta sud-okcidente de Edo (nun Tokio), de kie originis multaj junulinoj, dungitaj urbe kiel servistinoj. Popola tradicio rigardis ilin ege amoremaj.

"Ŝi protokolis" : ŝi atestis dum la polica enketo.
"mi kredis, ke li ĝuas" : probable, ĉar li ekkriis "Ho, mi mortas!".

# Ĉu la tempo ekzistas?

***Raymond Fries***

La tempo estas malfacila temo. Laŭ la komuna prudento tio ŝajnas esti simpla afero, iu aspekto de la realo pri kiu oni eĉ ne faras al si demandojn. Multaj komunaj esprimoj tion spegulas: "La tempo (mal)rapide pasas", "Perdi tempon", "Tempo estas mono", "Kun la tempo, pli-boniĝos", ktp. Sed ĉio kio povas aspekti tute natura, estas fakte nur relativa al la kulturo de la socio kaj de la individuo. Same kiel parolanto de unu sola lingvo emas konfuzi la nomon de la objektoj kun la objektoj mem, homo kiu vivas en socio kun difinita mezursistemo de la tempo emas konfuzi tiun mezuron de la tempo kun ties realeco. La objekto "pipo" estas iu realaĵo kiun mi povas priskribi kaj al kiu en mia lingvo mi aliras per la etikedo "pipo": tion penis evidentigi Magritte per sia pentraĵo de pipo sub kiu li skribis "tio ne estas pipo". Same minutoj, horoj, semajnoj, monatoj estas dividoj de la tempo kiuj pli-malpli koincidas kun iuj observeblaj fenomenoj, sed ne estas mem realaĵoj sed nur konvenciaj aliroj al iuj realaĵoj. La paralela uzo de diversaj mezuriloj de la tempo, same kiel esprimiĝi en diversaj lingvoj, helpas ekkonscii pri la relativeco respektive de mezursistemoj kaj de lingvosistemoj (vortprovizo kaj gramatiko), kiuj estas nur aliroj al la realo sed ne devas esti konfuzitaj kun la realo kiun ili pretendas priskribi. Nian percepton de la tempo (aŭ almenaŭ mia, sed mi aplombas aserti ke mi estas ordinara homo en mia socio kaj la sperto de la plejmulto similas la mian) konstruis nia edukado. La infano kiu ĝis tiam vivis en senfina nuno, ekvizitante lernejon rapide lernas ke la tagoj estas aranĝitaj en semajnoj, ke la tagon oni dividas en horojn – horoj en kiuj oni sidu kaj serioze studu kaj horoj en kiuj oni rajtas libere kuri aŭ amuziĝi aŭ ripozi. La unuan aferon kiun tradicie skribas la instruisto sur la nigra tabulo estas la hodiaŭa dato. Krom legi kaj skribi vortojn kaj kalkuli, unu el la unuaj aferoj kiun infano lernu estas "legi" la horloĝon. Tiel la sovaĝa homa besto eniras la socian tempon regitan de la aliaj, de la povo, religia, spirita, politika, ekonomia. La fakton ke mezuro de la tempo estas tiel forte ligita al la povo spirita kaj politika evidentigas ke la Franca Revolucio provis trudi propran kalendaron: for la kristanan kalendaron kun ties septagaj semajnoj, ties

*(sekvo p.8)*

monatoj, ties erao "post Jesuo Kristo" aŭ "post Nia Sinjoro". Estu nova erao kiu komenc-iĝu en la tago kiam oni proklamis la Respublikon (kiu koincide ankaŭ estis la tago de la aŭtuna ekvinokso)! Estu novaj monatoj racie egalaj ĉiuj kun po tridek tagoj kaj nomoj rilataj al la sezonoj de la kamplaboroj. Estu tagdekoj anstataŭ semajnoj kun nur unu ripoztago el dek anstataŭ unu el sep (jes la Revolucion kondukis burĝoj kiuj emis plisklavigi la laboristojn!). Estu dudek horoj en unu tago (tamen tiun reformon malakceptis la horloĝ-istoj kiuj malvolis krei tute novajn horloĝojn kun tute novaj radetoj). Kaj la Respublika Kalendaro oficiale validis en Francio dum dekkvar jaroj ĝis la nova monarko kiu trudis al la papo ke li kronu lin, restarigis la kristanan kalendaron, kiu, ĉar ĝi kvazaŭ tutmondiĝis estas konsiderata kiel "universala".

Tamen multaj aliaj kalendaroj validis kaj plu validas en la mondo: la islama laŭ kiu estas regitaj la islamaj festoj kaj ritoj kiujn respektas granda parto de la homaro precipe en Afriko kaj Azio, la romia, la juda, la ĉina, la hinda, la maja, ktp. Ĉiu el ili havas sian propran deirpunkton, sian propran jarlongon, sian propran dividon de la jaro en monatoj aŭ lunoj: ĉiu sistemo malsamas, simile kiel la lingvoj malsamas inter si. Unu realaĵo, diversaj manieroj priskribi, nomi ĝin. Sed ĉu fakte la tempo kiun la civilizoj klopodas regi nur ekzistas? Multaj fenomenoj kiujn ni observas je ĉiuj skaloj instigas nin respondi jese. Unue ni mem vivantaj estuloj ritme spiras, niaj koroj ritme batas, ni ekestas kiam ni estas koncipitaj, ni kreskas, maljuniĝas kaj nepre iam mortos. Ĉiuj tiuj biologiaj fenomenoj estas nia unua aliro al la tempo, kiu donas al ni la senton ke ni estas la sklavoj de la tempo, tiu kruela dio kiu voras siajn proprajn gefilojn. Estiel teranoj ni observas la sinsekvon de la tagoj kaj de la noktoj, la ritman pason de la luno, kaj de la sezonoj kun la plialtiĝo kaj malplialtiĝo de la suno, kaj ankaŭ la regula iro de Jupitero en la ĉielo kiu trakuras la zodiakon en dekdu jaroj: ĉiuj tiuj observaĵoj, kiuj sekvas preskaŭ neakordigeblajn ritmojn, estas la bazoj de ĉiuj kalendaroj, kiuj pli-malpli sukcese penas akordigi tiujn ritmojn. La scienca esploro de la fizika kosmo instruas al ni ke je ĉiuj skaloj ekde la plej eta esplorebla tiu de la partikloj ĝis tiu de la plej vasta observebla kosmo, ĉiuj fenomenoj estas ligitaj al la tempo: rapideco de la lumo, koloroj de la lumo emisiita de ekscititaj atomoj (koloro estas difinita frekvenco de radiado, kaj frekvencon difinas rilato al la tempo: po tiom da cikloj en sekundo), ktp. En la lastaj jarcentoj la scienco baziĝis sur njutona priskribo de la realo kun meĥanika funkciado de la observeblaj realaĵoj. Kaj tiu priskribo koincidas kun tiu de la moderna teĥnika ekonomia kaj politika sistemo bazita sur la industria kapitalisma produktado. Scienco, teĥniko, ekonomio, politika sistemo kune evoluis por kune krei la nune validantan mezursistemon de la realo kaj inter alia de la tempo kiu estas nia temo.

Ajnŝtano kun la relativeco, kaj la kvantuma fiziko serioze devigis sciencistojn rekonsideri tiun dimen-sion de la realo kiun oni nomas "tempo": ekzemple ŝajnas ke iuj fenomenoj okazas en la inversa direkto de la tempo, kiun ni kutime konsideras nerenversebla, kvantuma partiklo povas "samtempe" troviĝi en diversaj lokoj, informo povas atingi du kunligitajn (intrikitajn) partiklojn pli *rapide* ol la lumrapideco, ktp. Sed tio ne multe tuŝas la ĉiutagan vivon de ordinaraj homoj. Tamen la antaŭenpaŝoj de la fizika scienco en la lasta jarcento iel koincidas kun iuj instruoj rilataj al la tempo de hinduaj, buddhaj kaj eĉ kristanaj kaj islamaj saĝuloj, nomataj "sanktuloj" de tiuj kiuj respektegis ilin. Ĉu ĉiuj tiuj saĝuloj, liberiĝante de la socia-politika tempo, ektuŝis iun kosman dimension de la tempo, en kiu troviĝas la steloj, la planedoj, la ŝtonoj, la vegetaĵoj, la bestoj, la infanoj kaj la saĝuloj, iu eterna nuno ekster tiu politika kaj ekonomia povo kiu pretendas regi la tempon pasintan – trudante oficialan historion – kaj estontan, kiun ĝi jam planis



per tabeloj agendoj kaj kalendaroj? Mi ne arogas esti saĝulo, tamen de mia junaĝo mi konstante strebis harmoniiĝi en la nuna momento, tio estas, forigi la kontraston inter malagrablaj truditaj momentoj (enuaj laboraj devigaj taskoj) kaj agrablaj liberelektitaj (amuzo, ripozo, ĝuo). Rimarkinde tiuj kontrastoj estigas ĉe la homoj, kiuj spertas ilin, kontrastan subjektivan senton de la rapideco de la paso de la tempo: oni diras ke la tempo malrapide pasas kiam oni enuas aŭ kiam oni plenumas tedan taskon, kaj ke ĝi *tro* rapide pasas kiam oni amuziĝas, estas feliĉa, havas plezuron. En tio certe rolas la vigleco de la neŭronaj cirkvitoj en la cerbo, kiuj eĉ povas konsiderinde akceliĝi ekzemple en danĝera situacio: la cerbo tiam povas rapidege aparte percepti tujsinsekvajn detalojn, tiel ke oni tiam havas la impreson vivi en malrapidigita filmo (tiun procedon cetere oftege uzas la kino). Do iasence temas simple pri la elektra frekvenco de la cerba aktiveco, per kiu ni mezuras la pason de la tempo. Simile je la skalo de homa vivo, ĉiu emas mezuri la daŭron laŭ sia aĝo: jaro ŝajnas longega al dekjara infano por kiu ĝi estas dekono de sia tuta spertita vivo, dum ĝi ŝajnas multe malpli longa al kvindekjarulo por kiu ĝi estas *nur* kvindekono. Kaj tiun senton akrigas la socia organizo de la aktivecoj laŭ la tempotabelo ĉiutaga, semajna, monata, jara, homvivdaŭra kun divido inter labortempoj kaj ripoz- amuz- kaj liber-tempoj. Por forigi kaj la tediĝon kaj la trorapidan fuĝon de la agrablaj momentoj oni povas strebi al jena solvo: forigi tiun dividon de la tempo, ke ĉiu momento ĉu ĝi estas produktotempo, ĉu plezurotempo, estu spertita kiel plena momento, kun plena vigleco, plena ĉeesteco (en la franca la nuno kaj la ĉeesto estas esprimitaj per la sama radiko: *prezenco*). Kaj seeble forigi la dividon inter tiuj produktaj kaj plezuraj tempoj, tio estas elekti aŭ strebi al profesio kiun oni ŝatas, kiun oni plenumas kun plezuro. Por tio estas du vojoj: ĉu ekŝati tion kion oni faras, ĉu fari ion kion oni certe ŝatas. Tiuj diraĵoj povas aspekti banalaj evidentaĵoj. Tamen ŝajnas al mi ke ili ne estas tiom banalaj, kaj ke la plejmulto el la homoj ne havas tian celon, ke ili rezignas pasigi la plej grandan parton de sia vivo, plenumante enuajn taskojn, *okupante* sian tempon per tedaĵoj, kaj esperante trovi konsolon en siaj liberaj tempoj (vespera ripoztempo, semajnfinoj, jaraj libertempoj, emeritiĝo, ...). Cetere strange multaj senlaboruloj ne ĝuas sian nevole akiritan liberan tempon ĉu pro kulposento, ĉu pro angoro, ĉu pro manko de rimedoj monaj sed eble ankaŭ spiritaj. Laŭ mi sprita homo ne povas suferi enuon: en ĉiu ajn situacio ĝi kapablas senti sin en harmonio en la nuna momento, ĉu farante ion, ĉu nenion farante. Signifoplene por mi, niaj civilizoj punas tiujn kiuj kulpas malrespekton de ĝiaj leĝoj per depreno de ilia tempo, tio estas per apartigo de ili el la socio por iu difinita *tempo*, en malliberejo aŭ en ekzilejo. La sociaj institucioj penas trudi al la kulpulo suferigan punon tiele, per rego de ties tempo kiun ĝi ne povas laŭvole uzi. Sed eĉ en tiu truda situacio, homo povas mense liberiĝi, realpropriigante al si la tempon, tio estas fari el ĉiu momento spirite plenan tempon. Tiu unue socia homliberiga depostulo koincidas kun iuj religiaj aŭ spiritaj instruoj: liberiĝi de la tempo estas liberiĝi de la sklaviĝo socia kaj psiĥa. La deirpunkto estas ke pasinto kaj estonto fakte ne ekzistas, ke ili estas nur mensaj konstruaĵoj, ke nur la nuno ekzistas. Certe homo estas karakterizita de tiu kapablo konscii kaj pri la pasinto kaj pri la estonto. Forigi tiun konscion estus malhumaniĝi. Sed sklavigo pro la pezo de la pasinto aŭ timo de la estonto simple malebligas ĝui la nunan momenton. La tuta saĝeco konsistas do el trovi ekvilibron inter tiuj tri aspektoj. Jen kion instuas ekzemple la zena arkpafarto: la pafonto pretigis la arkon kaj lernis la pafteknikon, post momenteto la sago trafos la celon kaj nun la pafanto streĉas la arkkordon kaj en iu difinita sendaŭra momento, ĝi ellasos ĝin, kaj tiam la sago estas senmanke trafonta la celon, ĉar la pafanto en tiu momento estas en ekvilibro inter la antaŭaj pretiĝoj, la trafota celo kaj la nuna ĝusta streĉiteco kaj malstreĉiĝo dum la pafado. Tiu arkpafa arto estas bonega bildigo de ĝusta sinteno en ĉiu spertata momento. Jen malorde rezultoj de cerbumado de maljuniĝanta homo, kiu malvolis kiam junulo perdi sian vivon por perlabori, kaj kiu konstante konscias ke vivo estas mallonga kaj baldaŭ finiĝos. Romiaj saĝuloj diris la samon per du vortoj: *carpe diem (ĝuu la tagon!)*.



# Neelportebla spektaklo

*Ŝen Rodin*

Jam ĉiutage ni spektas eventon: centoj, miloj da homoj - viroj, maljunuloj, infanoj, virinoj eĉ gravedaj, fuĝantaj de la bombadoj-torturoj-sklavigoj kiuj persekutas ilin en siaj naskiĝlandoj - dronas en la akvoj de nia Mediteranea maro. Kiamaniere oni povas resti homecaj, evitante la cinikismon kaj la indiferenton? Oni ja konstatas ke necesus tuj interveni en la teruran situacion prezentiĝantan al niaj okuloj.

Sed ĉu ni eŭropanoj tion rimarkas? Ne temas pri akuzi iun partion aŭ estraron. Temas nur pri tio: ĉu ni ne vidas? Ili estas mortantaj. Ili mortas trairante unue la dezerton, poste la maron. Urĝas, ke ni vekiĝu. Ŝajne ni kvazaŭ promenas dormante: stranga peza dormado loĝata de inkuboj. Ni senĉese diskutadas pri gastigendaj kvotoj, kostoj, rajtoj, devoj, civilaj/militaj planoj, taktikoj kaj strategioj; ni saĝe konsilas al tiuj fuĝantoj: faru mem revolucion en viaj landoj, samkiel ni revoluciis en Francio kaj Rusio - neglektante la fakton, ke la modernaj armilaroj faciligas la puĉojn (Santiago de Ĉilio, Kairo, Kiev ...) sed igas preskaŭ neeblaj la popolajn insurekciojn (Ĉeĉenio, Egipto, Ĉinio, Tibeto, "arabaj printempoj" ...)

Dume la ŝtatestroj de sur siaj podioj vice deklamas: "NI NE! Ni jam faris nian devon! Ni jam akceptis milojn!" Dume la eŭropaj "gardistoj de la publika ordo", blokas la barkojn, blokas la trajnojn kriante: "*haltu! de tie ĉi oni ne pasas!*" Tiel ree ekstaras la sekurec-muroj, la milit-bariloj kiuj provokis la mondmilitojn, kun dekoj da milionoj da masakritoj kaj dekoj da landoj frakasitaj kaj la tuta hororo kiun nun ni memoras kaj celebras.

Tamen, jen la sola, konkreta mezuro kiun ni decidis: ni plenŝutis nian Mediteranean Maron per militŝipoj kaj niajn ĉielojn per bombaviadiloj, plu favorante la daŭran riĉiĝon de la armilproduktistoj, solaj profitantoj de la tutmonda militstato. Ni inventis novajn propekajn kaprojn: la barkistoj kiuj transportas la fuĝintojn. Ni nomas ilin "sklav-komercistoj" kaj direktas kontraŭ ili la sociajn malestimon kaj kondamnon, senhonte perfortante la historion kaj la veron. Dum almenaŭ tri jarcentoj la veraj sklav-komercistoj - inter kiuj pluraj britaj ĝentlemanoj – forrabis nigrajn afrikanojn de internaj vilaĝoj, trenis ilin katenitajn kiel bestoj ĝis la Atlantika oceanbordo, fermis ilin en la ŝipoj, krude perfortante ilin. La hodiaŭaj elmigrantoj plenvole alfrontas la dezerton kaj la maron por havigi iun vivŝancon al siaj filoj. Detruante la barkojn ni eliminas la solan savesperon por dekmiloj da homoj, kiuj ĉion riskas por ĝi, kaj kondamnas ilin al plej tragika sorto: aŭ reveni al siaj naskiĝlandoj, kie atendas ilin la morto, aŭ esti fermotaj en la hororajn nordafrikajn koncentrejojn.

Tamen, eĉ bombante la barkojn, por igi preskaŭ neebla la trairadon de Mediteraneo, ni tute ne evitos la invadon de Eŭropo. La malesperuloj eniros ĝin laŭ aliaj maroj aŭ laŭgrunde. Kiam en kontinento estiĝas neelteneblaj vivkondiĉoj - ĉu pro naturaj fenomenoj (dezertiĝo, altiĝo de la marnivelo ks.), ĉu pro homaj militoj kaj "etnaj purigadoj", la homamasoj celantaj saviĝon fuĝas kaj iel ajn transloĝiĝas al pli viveblaj zonoj. Tiu ĉi fenomeno akompanas la tutan historion de la homaro, ekde la praepokoj ĝis hodiaŭ.

En Usono la hispana-lingva loĝantaro egaligis kaj baldaŭ superos la angla-lingvan, pro la senĉesa, nehaltigebla alfluo de homoj el hispana-lingvaj landoj. Ne povis bloki ilin la misfama "Muro de Tijuana": la timiga elektrizita "sekurec-barilo", longa 3140 Km, kiu disigas Meksikon disde Kalifornio-Teksaso-Arizono. En 19-a kaj 20-a jarcentoj pli ol *dudek milionoj* da italoj elmigris de Italio al Usono-Francio-Belgio-Germanio-Svislando-Aŭstrio-Aŭstralio ... Nenio blokis ilin. Ne povante fari revolucion en sia naskiĝlando, ili sukcesis, malgraŭ ĉio, atingi aliajn terojn kaj horizontojn. Ne estis facile por ili: en la saviĝlandoj ili estis ofte ricevitaj kun suspekto kaj malamikeco, kiel primitivaj, bruemaj, malfidindaj, danĝeraj. (La unuan tagon de mia laboro en fabriko de norda Svedio, la fakestro eksciante mian italan devenon ekkriis: "*Ha, italo! Musolini-mandolino-spagetoj!*") "*Eniro malpermesata al hundoj kaj italoj*" oni legis ĉe sveda junulargastejo; "*oni ne luas al suduloj*" oni legis en Torino; "*oni ne gastigas italojn*" sur tirola pension-enirejo ... ktp.

Jes, la italoj, kiuj nun laŭte lamentas kaj manifestacias kontraŭ la malagrablaĵoj havigataj de la afrikanoj - kvazaŭ ĉi tiuj estus danĝeraj sovaĝaj bestoj kaj ne homoj kiel ni - tute forgesas ĉion ĉi. Pri tio ili egalas la izraelanojn, kiuj hodiaŭ kruele subpremas la palestinanojn, kvankam dum du jarmiloj ili mem estis konstante persekutataj de la sindirantaj "kristanoj".

Ja, tiel kondutas "Homo Sapiens". Neniu alia animala specio kondutas tiele.

Tial mi sincere bedaŭras, ke mi hazarde naskiĝis "homo sapiens".

Tio okazanta sub niaj okuloj estas nemezurebla homa katastrofo. Kaj nia serĉado de infanaj pretekstoj por pravigi nian indiferenton estas nepardonebla homa egoismo.

*Guozhu:*

**Meritoplena,Talenta,Bonvirta**

# Parolado ĉe la Memorkunsido pri la Centjara Jubileo de Cicio Mar

01 Kio estas Cicio Mar?

La dato 2014-12-07 estas la naskiĝtago de s-ro Cicio Mar. Ni kunsidas por memori lin. Antaŭ ĉio ni devas scii: Kio estas Cicio Mar?

S-ro Cicio Mar estas ĉino, hubei-ano, esperantisto.

02 Tri Sam-

Ni sentas honoron ke ĉiu el ni estas samtempe samlandanoj¬samlokanoj¬samideanoj de s-ro Cicio Mar. Ni bone memoras lian naskiĝtagon. Tial ni havas trioblan motivon por memori lin. Ke ni elektas tiun norman daton okazigi la memorkunsidon, nek pli frue nek malpli frue, malgraŭ ke hodiaŭ estas ripoztago, tio ĝuste esprimas nian sinceran respekton al li.

03 Tri Nomoj por Tri Kampoj

S-ro Cicio Mar havas tri ofte uzatajn nomojn:

Ĉine: Ye Junjian

angle: Chun-Chan Yeh

Esperante: Cicio Mar.

La tri nomoj ĝuste respegulas la tri kampojn, kie Cicio Mar aktive agis.

04 Tre Okulfrapaj estas liaj trajtoj. Kun Kiaj Trajtoj estas S-ro Cicio Mar ? Kiel ĉino, Tradukinto de la Fabeloj de Andersen. Ekaŭdinte la nomon Ye Junjian, multaj ĉinoj tuj memoras pri Andersen, ĉar s-ro Ye Junjian estas tradukinto de la Fabeloj de Andersen. Kiel hubei-ano, Klerulo inter generaloj. La hejmloko de s-ro Cicio Mar estas Hong'an-gubernio de Hubei-provinco. Ekaŭdinte la loknomon Hong'an, multaj ĉinoj tuj memoras pri la "Gubernio de Generaloj" ĉar aperis de tie 223 generaloj de PLA, du Ŝtataj Prezidantoj (Dong Biwu kaj Li Xiannian). Inter tiuj generaloj kiuj similas al brilaj steloj, s-ro Cicio Mar tamen estas fama klerulo. Ĉu tio ne estas tre okulfrapa distingaĵo? Kiel Esp-isto, Aŭtoro de Novelaro originale verkita en Esperanto. Inter ĉinaj esperantistoj, Cicio Mar distingiĝas per la rekordoj, frue, rapide, komplete, malproksimen kaj alte ¬ li estas la plej frua (1933) aŭtoro de Novelaro originale verkita en Esperanto.

05 Lokuso de longa vojaĝo en lia vivo

Du datoj

1914-12-07 Cicio Mar naskiĝis en la vilaĝo Yejiahe en Baliwan-urbeto de Hong'an-gubernio, Hubei-provinco, Ĉinio.

1999 forpasis en Pekino Cicio Mar 85-jara.

Al la mondo

La lokuso de longa vojaĝo en la vivo de Cicio Mar: Iri el hejmloka gubernio(1928) - el Hubei-provinco (1929) - el Ĉinio (1937) - el Azio (1944) - al la mondo. Vilaĝo-Wuhan-Sxanhajo-Japanio-Wuhan-la Tria Buroo ÈyÌü-Hongkongo-Chongqing-Anglio Ĉinio (Pekino)

1920 (6-jara)

Ekde sia 6-a jaraĝo Cicio Mar lernis en la privata lernejo, kiun fondis lia pli aĝa frato Ye Shoudao.

1928 (14-jara)

Lia dua pliaĝa frato Ye Xitong, kiu laboras en Wuhan kiel komizo, translokigis Cicion Mar al Wuhan.

1929 (15-jara)

Cicio Mar restis en Wuhan nelongan tempon kaj estis sendita al Ŝanhajo por lerni en tiea konfesia lernejo. Ekde tiam li uzas la ĉinan nomon Ye Junjian.

Cicio Mar eniris la klason nur meze de la lerneja semestro. Li lernis en la 5-a klaso de supera elementa lernejo. Kutime lernantoj de la supera elementa lernejo aĝas 10-jara. Sed Cicio Mar tiam jam estas 15-jara. Do sufiĉe diferenca de la kunlernantoj. Foje, iu kunlernanto gluis sur lia dorso slipon kun skribo de du literoj SS, kiu signifas en la angla lingvo kiel SCHOOL SERVANT (lerneja servisto), kun moka aludo: Vi estas tiel alta, maldika kaj malriĉa kampulo, vi ne meritas lerni ĉitie kun ni pri modernaj fakoj matematiko, fiziko, kemio kaj fremda lingvo. Vi taŭgas nur por labori kiel nia servisto. Tio multe pikis la koron de Cicio Mar, kaj li decidis nepre posedi anglan lingvon.

1931 (17-jara)

Cicio Mar lernis en malsupera mezlernejo en Ŝanhajo. Iutage li legis de la <Monata Revuo de Noveloj> redaktita de Mao Dun informon pri Esperanto kaj koresponda Esperanto-lernejo. Cicio Mar komencis lerni Esperanton pere de la koresponda lernejo. La unua lernolibro estis <La Plena Kurso de Esperanto> kompilita de s-ro Sheng Guocheng. Cicio Mar vizitis al sidejo de Ŝahaja Esperanto-Asocio por lerni prononcon de Esperanto sub helpo de veterana Esp-isto..

1932 (18-jara)

Okazis la "Evento de la 28-a de Januaro" en

Ŝanhajo. Sidejo de Ŝanhaja Esperanto-Asocio estis ruinigita de la kanonado far invada armeo de Japanio. En septembro Cicio Mar revenis al Wuhan de Ŝanhajo. Unue li eniris tra ekzameno en Mezĉinian Universitaton.

1933 (19-jara)

Mezĉinia Universitato ankaŭ estis konfesia. La lernopago por Cicio Mar estis iom tro kara. Tamen la formalaĵoj por transiri al alia universitato estis tre facilaj. Cicio Mar do plenumis la necesajn formalaĵojn kaj transiris al la Ŝtata Wuhan-a Universitato lerni pri fremdlanda literaturo.

1933

1936 (22-jara)

Cicio Mar finis la studadon en la fakultato de fremda literaturo de Wuhana Universitato kaj akiris licencion.

1937 (23-jara)

Cicio Mar vojaĝis al Tokio, li lernis unu jaron en Japanio. Li aliĝis al JEI kaj ofte partoprenis en aktivadoj de "Ĉina Esperanto-Asocio" kaj "JPEU", interkonatiĝis kun japanaj esp-istoj Akita Uĵaku, Verda Majo kc....

Kelkajn semajnojn antaŭ Lugouqiao-evento, ĉinaj esp-istoj en Tokio estis arestitaj. Cicio Mar estis malliberigita en subtera prizono de policejo de Kanda-distrikto Tokio je pli ol du monatoj. Poste li estis forpelita je templimo de 48 horoj.

La 7an de julio 1937 eksplodis la Ĉina Rezistmilito kontraŭ Japanio. Cicio Mar vojaĝis revenen de Ŝanhajo al Wuhan en aŭgusto.

1938 (24-jara)

Cicio Mar partoprenis en laboro de internacia propagando de la Tria Buroo de la Politika Departemento de la Milita Komitato de Kuomintang-a Registaro sub gvido de s-ro Guo Moruo kaj Zhou Enlai.

En 1938-10-25 Wuhan falis. Cicio Mar vojaĝis al Hongkongo, kie li ĉefredaktis la anglalingvan revuon <Ĉinaj Verkistoj>.

1939 (25-jara)

Cicio Mar vojaĝis tra Hanojo de Vjetnamio al urbo Kunming, kie li tradukis la triaktan dramon <Tri Fratoj> verkitan de japana progresema verkisto Kazi Wataru.

En 1941-12-08, eksplodis la Pacifika Milito. Nelonge antaŭ tiu ĉi evento Cicio Mar vojaĝis al Chongqing kaj instruis tie en Chongqing-a Universitato, la Centra Universitato kaj Fudan-universitato.

1944 (30-jara)

Laŭ invito de la Propaganda Departemento dum Milito de Anglio, Cicio Mar vojaĝis al Anglio kaj donis paroladojn pri ĉina rezistmilito kontraŭ Japanio en diversaj lokoj tra la tuta Anglio. Dum unu jaro li donis paroladojn pli-ol-600-foje. Post finiĝo de la Dua Mondmilito, Cicio Mar studis pri la angla literaturo en Kembriĝa Universitato. Li havis intimajn rilatojn kun verkistoj de Bloomsbury-skolo. En Eŭropo Cicio Mar aliĝis al BEA, li rondvizitis multajn landojn kaj donis paroladojn.

Dum la 5 jaroj kiam li restis en Kembriĝo, Cicio Mar tradukis la Plenan Fabelaron de Andersen en sia postlabora libertempo.

1947 (33-jara) Cicio Mar verkis en la angla lingvo romanon <La Monta Vilaĝo>, romanon <Al la Sudo> kaj redaktis la kolekton de ĉinaj verkaĵoj <Tri Sezonoj>.

1949 (35-jara) Post fondiĝo de la nova Ĉinio, Cicio Mar revenis Pekinon en la vintro de 1949. Li laboris en la Fremdlingva Buroo kiel vicĉefredaktoro de la revuo <Ĉina Literaturo>, <Ĉina Tradukado>, vicestro de la Ĉina Tradukista Asocio, sekretario de la Asocio de Ĉinaj Verkistoj, li funkciis kiel reprezentanto de la 3-a Popola Kongreso kaj membro de la 4-a kaj 5-a Politika Interkonsiliĝa Konferenco. Dum la Granda Kultura Revolucio (1966-1976) Cicio Mar estis etiketita kiel "reakcia akademia aŭtoritatulo de burĝaro" kaj unika eksterpartia "potenctenanto kiu iras kapitalisman vojon" tra la tuta Ĉinio.

1974 (60-jara) funkciis kiel konsilano de EPĈ.

1979-1980 (65-66-jara) publikigis la trilogion de romano <Tero>: <Fajro>,<Libero> kaj <Aŭroro>.

1993 (79-jara) emeritiĝis.

Familio-Geedziĝo-Posteuloj

1942 (28-jara) Cicio Mar interkonatiĝis kun Yuan Yin (1919-) 23-jara studentino el la Nordorienta Ĉinio kaj geedz-iĝis. Fama verkisto Lao She (1899-1966) prezidis en la nupto kaj Ma Zongrong (1890-1949), profe-soro de Fudan-universitato, kiel peranto de ilia en=amiĝo kaj reprezentanto de iliaj gepatroj. La nupto okazis en la moslema Restoracio Centjara Aĝo, kie fakte estis sidejo de la Ĉina Asocio de Literaturistoj kaj Artistoj por Rezisto Kontraŭ Malamikoj kaj Savo de Nacio. Informo pri la nupto estis intence anticipe publikigita en lokaj ĵurnaloj por alvenigi anojn de la rondo de literaturistoj kaj artistoj, kiuj ne povas intervidiĝi pro la subpremo far Kuomintango. Tial la nupto de Cicio Mar kaj Yuan Yin transformiĝis en ampleksa festena kunsido de la anoj de la rondo de literaturistoj kaj artistoj. Mankas al la novgeedzoj propra nupta ĉambro. Ili pasigis la nuptan nokton en hotelo.

1943 (29-jara) naskiĝis Ye Nianxian, la unua filo de Cicio Mar.

1951 (37-jara) naskiĝis Ye Nianlun, la dua filo de Cicio Mar.

06 Atingoj en Esp-ujo

Cicio Mar ankaŭ havis brilajn rekordojn en Esp-ujo, kvankam malmulte konata en Ĉinio pro lia modesteco.

Cicio Mar verkis artikolon kun titolo <Kiel Mi Lernis Esperanton>.
Lia esp-ista kariero karakteriĝis jene:
6.1.frue
Cicio Mar unuafoje sciis la nomon de Esp-o en 1937, siatempe li ankoraŭ estis liceano 17-jara. Allogate de la nobla idealo de Esp-o Cicio Mar tuj komencis memlerni pere de koresponda lernejo.
6.2.rapide
Cicio Mar progresis rapide en la memlernado de Esp-o.
Post du jaroj, en 1933, kiam li 19-jara lernis en Wuhana Universitato, jam komencis verki originale en Esp-o. Lia virga verko estis "Je la Jarfino", kiu inaŭguris lian vojon de literaturo.
Post ankoraŭ du jaroj, en 1935, 21-jara li jam havis la Esp-an nomon Cicio Mar. La manuskriptoj de novelaro "Forgesitaj Homoj" fakte pretiĝis tiujare. Li transdonis ĝin cele por eldoni al la Librejo Verda Folio en Ŝanhajo, kiu estis la unua Esp-a eldonejo en Ĉinio. pro manko de kapitalo, la librejo eldonis la nomitan novelaron nur en 1937.
6.3.komplete
Cicio Mar rapide posedis Esp-on. Li scipovas verki, traduki, paroli kaj uzi Esp-on por internacia kultura interfluo. Inter la samgeneracianoj, Cicio Mar distingiĝas per la plej bona kapablo paroli en Esp-o. Li aktivas ne nur en verkado sed ankaŭ en Esp-a Movado.
Cicio Mar posedas Ciujn kvin bonvirtojn de Esp-isto: Ami, lerni, posedi, apliki kaj lukti por Esp-o, modele por siatempaj kaj venontaj esp-istoj.
6.4.malproksime
Cicio Mar agis vere realigante la instruon de ĉina sentenco legi dekmil volumojn da libroj kaj fari dekmil liojn da vojaĝo. Li iris el gubernio Hong'an, el provinco Hubei, el patrujo Ĉinio, el Azio, tra la mondo, propagante pri la rezistmilito de ĉina popolo, pri la nova Ĉinio.
En Japanio li restis ĉ. unu jaro (de somero 1936 ĝis somero 1937), li aliĝis al JEI, partoprenis en aktivadoj de Ĉina Esperanto-Asocio kaj JPEU, interkonatiĝis kun japanaj esp-istoj. En Eŭropo Cicio Mar aliĝis al Brita Esp-a Asocio kaj donis prelegojn en multaj landoj.
6.5.alte
Cicio Mar atingis alton malofte vidatan en la rondo de ĉinaj Esp-istoj.
Lia libro <Forgesitaj Homoj> aperinta en 1937 kiel la unua originala novelaro en ĉina EM kreis rekordon neniam renovigitan ĝis hodiaŭ.
Lia romano <Monta Vilaĝo> poste estis esp-igita el la angla de William Auld kaj eldonita de ĈEE en 1984 kiel la 21-a libro en la serio Oriento-Okcidento. Cicio Mar estas la unua ĉino kiu eniris tiun serion.

El ĉinaj esp-istoj, tre eble Cicio Mar estas tiu, kiu havis plej multajn ŝancojn ĉeesti UK-ojn. Li ĉeestis almenaŭ jenajn UK-ojn en 1949 (34-a UK), 1978 (63a), 1979 (64a), 1980 (65a) 1985 (70a) 1986 (71a) 1987 (72a).
Dum la Dua Monda Milito UK interrompiĝis sep jarojn.
La 34-a UK okazis 1949 en Boumemouth, Britio, kiel la plej granda UK depost la venko de la Milito, markante la reviviĝon de la internacia Esp-a Movado. Cicio Mar estas la unika kongresano el la Oriento, kaj estis invitita sidiĝi honore sur la podio kaj donis gratulon en la nomo de ĉinaj esp-istoj.
Lia kunfoto kun Wanda Zamenhof, la bofilino de D-ro L.L.Zamenhof, aperis 1950 en revuo La Popola Mondo kaj 1988 en la Raporta Literaturo (n-ro 2). Cicio Mar estas la unika el ĉinaj esp-istoj kiu havis kontakton kun familianoj de D-ro Zamenhof de du generacioj.
La epoko de reformo kaj malfermo de Ĉinio komenciĝis ekde 1978. Ekde tiu jaro Ĉinio sendis ĉiujare oficialan delegacion al UK. Cicio Mar ĉeestis tiujn UK-ojn kun aparta historia signifo.
Kiam UK okazis unuafoje en Ĉino 1986, Cicio Mar funkciis kiel Rektoro de la Kongresa Universitato kaj iĝis la unua ĉino kiu havis tiun funkcion. Post fondiĝo de la nova Ĉinio en 1949, Cicio Mar sinsekve laboris en la Komisiono por Internacia Kultura Interfluo, funkciis kiel ĉefredaktoro de la revuo Ĉina Literaturo, Ĉina Tradukisto, vic-prezidanto de la Asocio de Ĉinaj Tradukistoj, Komitatano de la Ĉina Federacio de Literatura kaj Arta Rondoj, konsilanto kaj membro de la sekretariato de la Ĉina Verkista Asocio, vicprezidanto de la ĉina sekcio de la internacia verkista asocio PEN, Profesoro de literaturo de Fudan, Centra (nun Nankina) kaj Furen universitatoj en Ĉinio. Multe prelegis en universitatoj en Norvegio, Danlando, Britio, Usono. En Esperanta rondo Cicio Mar estis Vic-prezidanto de ĈEL kaj Ĉina Asocio de Amikoj de Esp-o, Honora Prezidanto de ĈEL, konsilanto de EPĈ, kaj komitatano de UEA ekde 1980.

07 La Ĉefverkoj de Cicio Mar
Ĉinigo de La Plena Fabelaro de Andersen
Ni povas rimarki ke la eniro de la ĉefverkoj de la monda literaturo en Ĉinion okazis ofte laŭ kutima procezo: de nenio al io, de malmulto al multo, de parto al kompleto, de transtraduko al eloriginaligo.
En Ĉinio pli ol unu homo tradukis fabelojn de Andersen. En la tuta mondo tradukintoj de la fabeloj de Andersen estas pli multaj. Tamen Cicio Mar estas la unika tradukinto, kiu estis honorita per la "Medalo de Danlanda Nacia Flago" pro sia tradukado de la fabeloj de Andersen inter multaj tradukintoj tra la mondo.

En Ĉinio ekzistas ne nur pli ol 200 bonaj eldonoj de la Fabeloj de Andersen, sed ankaŭ pli ol dek kompletoj de la fabelaro en la plena teksto, inter kiuj la pli influohavaj estas tiuj far Cicio Mar, Lin Hua kaj Ren Rongrong.

Nun ekzistas tradukoj de la <Fabeloj de Andersen> en pli ol 80 lingvoj. Laŭ komentario de danlandaj ĵurnaloj, la ĉinigo estas plej bona. Reĝino de Danlando solene donis la "Medalon de Danlanda Nacia Flago" al Cicio Mar. Tio estas unika rekordo inter multaj tradukintoj en la mondo. Tio ankaŭ estas speciala rekordo ke la aŭtoro kaj tradukinto de la sama libro sinsekve akiris la saman medalon.

La Monta Vilaĝo

Cicio Mar eldonis plurajn romanojn en la angla. Inter la ĉinaj verkistoj de lia tempo, Cicio Mar estas la unika kiu verkas rekte en la angla kaj Esperanto multajn novelojn. Interalie lia <Monta Vilaĝo> estis rekonita de la Angla Libro-Asocio kiel la plej bona verkaĵo eldonita en la julio 1947 en Anglio. Post nelonge aperis ankaŭ la usona eldono en Novjorko. <La Monta Vilaĝo> estis tradukita en pli ol dek fremdajn lingvojn kaj eldonita en pli ol 20 landoj kiaj Norvegio, Svedio, Italio, Nederlando, Hispanio ktp. William Auld, la fama skota Esperanto-poeto esp-igis tiun libron kaj tiu poste eniris kiel klasikaĵo en la serion de Oriento-Okcidento de UEA.

En 1987 Xi'an-a Stidio kaj Hubei-a TV kune produktis la serialon <Monta Vilaĝo> en dek pecoj. <La Monta Vilaĝo> rakontis pri ĉina socio, pri revolucio far ordinaraj popolanoj sub gvido de ĈKP. Famaj eldonejoj en la okcidenta mondo meminiciate eldonis serion da verkaĵoj de <La Monta Vilaĝo>, eĉ reeldonojn post jardekoj. Ili prenis tiujn verkaĵojn de Cicio Mar ne propagand-aĵoj de politiko sed altaj artaĵoj. Tio estas malofta signifohava fenomeno en la historio de la moderna literaturo de Ĉinio.

La Plena Verkaro de Cicio Mar

En 2010-03-01 la eldonejo de Qinghua-universitato sukcese eldonis la <Plenan Verkaron de Cicio Mar> en 7080 paĝoj. La plena kolekto konsistas el 1 volumo de mallongaj noveloj, 2 volumoj de noveloj, 5 volumoj de romanoj, 1 volumo de por-infanaj literaturaĵoj, 1 volumo de porinfanaj traduk-aĵoj, 1 volumo de tradukoj de dramoj noveloj kaj poemoj, 4 volumoj de la fabeloj de Andersen, 5 volumoj de eseoj, resume 20 dikaj kajeroj.

Senmorta je tri flankoj pro lia nobla bonvirto kaj erudicio

* Meritoplena

Cicio Mar verkis kaj publikigis diversstilajn verk-aĵojn (noveloj, romanoj, prozaĵoj, tradukoj, fabeloj ktp) en la ĉina, Esperanto kaj la angla, resume ĉ. en dek unu milionoj da vortoj.

* Talenta

Kiel diris ĉina proverbo ke estas talentuloj en Chu-lando (nuna Hubei kaj Hunan) Cicio Mar posedis sep fremdajn lingvojn (Esperanto, angla, germana, hispana, franca, dana, itala). Uzante tiujn lingvojn Cicio Mar tradukis kaj partoprenis en internaciaj kunvenoj kaj akceptis gastojn diverslandajn.

* Bonvirta

kiel esperantisto Cicio Mar havas la kvin bonvirtojn ami, lerni, posedi, apliki kaj lukti por esperanto kaj kvin kapablojn aŭdi, paroli, legi, verki kaj traduki.

Cicio Mar forpasis en 1999-01-05 en Pekino. Li postlasis admonan testamenton al siaj famili-anoj "Rilatu kun aliaj homoj per bonkoreco, neniam insidu aliajn homojn. Vivtenu sin per diligenta laborado kaj veraj klereco kaj scioj. Tenu sian memrespekton."

Modesto, bonkoreco, humileco, laboremo, tiuj bonaj kvalitoj de ĉinaj kamparanoj jam fandiĝis en lia personeco kaj verkaĵoj. Tio ankaŭ estas la plej varma memorindaĵo postlasita de li al ni.

09

Ejnstejn iam tiel diris:

Ne fieru pri tio, ke grandaj saĝuloj naskiĝis en via lando dum la pasintaj jarcentoj.

Tio ne estas via kontribuo. Pripensu nur, kiel vi traktas ilin kaj kiel vi sekvas iliajn instruojn.

Kiel poseuloj, kion ni devas fari, estas memori, lerni kaj heredi.

Okaze de la Centjara Jubileo de Cicio Mar, okazis kaj okazos en Ĉinio certaj aktivadoj honore al li.

Nia memora kundido havas specialan signifon per tio: hejmloka, esperantista kaj en precize akurata dato.

En sia letero de 2014-11-17 s-ro Ye Nianxian tiel skribis:

Saluton! S-ro Eĉino (Guozhu). Grandan dankon pro via sento al mia karmemora patro. En Pekino oni ankaŭ celebras. Sed mi sentas tiun en hejmloko certe pli intima.

10 Centjara Jubileulo Cicio Mar

(2014-12-07)

Cicio Mar iĝas centjara
la strebanto de Utopio.
Samideanoj en Ĉinio
ĉiam memoras lin tre kara.
Lia merito vere rara
imponas en Esperantio.
Cicio Mar iĝas centjara
la strebanto de Utopio.

Nin inspiru la senkompara
veterana generacio,
per la verdkora devkonscio,
bonvirto, modelo elstara.

Cicio Mar iĝas centjara.

# LKK-bis

## Komunikoj

**Mataró gastigos ĉi-jare la 37an Katalunan kongreson de Esperanto**
**La temo de la kongreso estas intime ligita al la urbo ĝin gastiganta: ŝancoj de enmigrado.**

Mataró gastigos ĉi-jare la 37an Katalunan Kongreson de Esperanto, inter la 30a de oktobro kaj la 1a de novembro, ĉirkaŭ la temo "ŝancoj de enmigrado". Inter la konfirmitaj prelegontoj elstaras la hungar-franca tradukisto kaj interpretisto István Ertl, la verkisto Jorge Camacho kaj la kongolanda muzikisto Zhou-Mack Mafuila.

Pri la kongrestemo ni interŝanĝos spertojn kaj strategiojn kun lokaj asocioj.

La distran programon, krom koncertoj de la kongolanda reggae-isto kaj la loka esperantista bando Kaj Tiel Plu, ni kalkulas kun la engaĝiĝo de muzikistoj, kaj aliaj kulturaj grupoj de la urbo.

Semajnon antaŭ la kongreso, okazos antaŭ-kongreso en Casal de Barri les Esmandies kun esperanto-lecionoj, prelegoj kaj koncertoj.

La katalunaj kongresoj de Esperanto kunigas altnivelajn prelegojn kaj riĉan artan programon kun unuarangaj gastoj el diversaj mondopartoj. Ĉi-jare la temo de la 37a Kongreso estas intime ligita al la urbo ĝin gastiganta: ŝancoj de enmigrado.

Esperantistoj aprezas lingvan diversecon kaj defendas ĝin, ĉar ili konsideras, ke ĉiuj lingvoj estas samrajtaj dum ili estas malsimilaj. Neniu lingvo rajtas subordigi alian.

Pliaj informoj ĉe www.esperanto.cat

## Gazetoj

**Juna amiko**, n-roj 139 ĝis 143. Tre alloga revuo, kun desegnobendoj, i.a. "El mia kolora vivo" de Pavel Rak, naturrubriko zorgata de juna knabo, Samuel, recenzo de libro, legendoj, krucenigmo, kaj Nia kultura heredaĵo, kroniko de Baldur Ragnarsson.

**Sennaciulo**, marto-aprilo. Temdosiero "Scienco", kun artikoloj de renato Corsetti, Toñodel Barrio, ktp. Ĉu sklavoj vivas daŭre en Maŭritanio?, de Mir-Ko, "Memorindaj anarkiistoj kaj anarkiisma esperantismo" de Miguel Fernández.



## Leteroj

Mi tute ne konas pri Gennadij Turkov, malgraŭ ke vi, legantoj de LKK, pli-malpli bone konus pri li, kiu se ofte kontribuas al LKK. Sed eble vi, okcidentanoj konus ne multe pri Toson Ŝimazaki, kvankam vi povus scii pere de vikipedio, sed por eviti elektrokonsumon kaj ĉefe ne por pri li, tamen koncerne al lia laboro iomete mi skribu.

Tason Ŝimazaki: mi fakte nenion legis liajn ver-kojn malgraŭ ke lia nomo estas sufiĉe konata en Japanio. Sed kelkaj poemoj estas komponitaj kun melodioj el kiuj ekz. la kanton "Kokosarba nukso (kokosnukso)" mi lernis eble eĉ en lernejo. Kaj ŝaj-nas al mi ankaŭ "Printempo alvenis" estus kantata.

... tamen nur en la 2a frazo de "kokosnukso" "ci disiĝinte de bordo de l' patrujo, ..." mi pensas ke "patrujo" estus iom tro suprensaltita traduko, kaj preferinde ĝi havu simple laŭ la nuanco de "hejma regiono" aŭ "naskiĝinta loko" ktp, kvankam mi ne scias la plej taŭgan laŭ la rimo. Sed antaŭ ĉio Toson iĝis ja fama... aŭ skuis la socion verkinte "Hakai" (disciplinoŝiro, saĝecŝiro aŭ tabuŝiro...) en 1906 sed ĉivorto de la titolo estas origine uzata en religio (ĉefe budhismo) kun la signifo por ignori dogman disciplinon. Sed Toson enkondukas kun sia propra nuanco koncerne al la sociordo.

Nome, spite al la saĝeckonsilo de la patro, juna instruisto konfesas publike pri sia naskiĝloko – la diskriminaciita vilaĝeto Braku – paria getoo laŭ japana feŭdisma kasto kiu kvankam ne plu ekzistas oficiale laŭleĝe en Japanio same kiel en Hindio, tamen reale ekzistas same kiel en Hindio! Tial ekde tiu konfeso la vivo de tiu instruisto komenciĝas ekstreme malfacila. Kompreneble tiu romano ne estis fantazia, sed realisma tiuepoke.

Sed, hodiaŭ Buraku-popolo ankoraŭ batalas solidare kun ĉiuj diskriminaciitaj popoloj en Japanio. Kaj en 1995 Kaano Iŝikaŭa estas fine komplete liberigita de la koridoro al morto post 31 jaroj da mallibereja travivo. Li estis suspektita koncerne al murdafero pri sia naskiĝ- kaj

loĝvilaĝeto Buraku. Kaj laŭ nehoma kaj diskrimi-nacia socia logiko, morto-kondamnita. Malgraŭ ĉi-fina bonŝanca novaĵo, samjare en dec. Ŝuĵi Kimura, ankaŭ naskiĝinto de Buraku, kiu verkis sian aŭtobiografion en malliberejo: nome pri malfacila travivo en ia vilaĝeto ĝis lia krimo, kontraŭ tio la aŭtoritato obstaklis tiun eldonon!! Tial li kaj la eldonisto akuzis la aŭtoritaton por la rajto de libera esprimo. Sed antaŭ la tribunala finjuĝo, estas ekzekutita!! Kaj eĉ lia testamento estas cenzurita!

Mi ne scias la asocion kiu batalas por egaleco kaj liberigo de la Buraku-popolo, hodiaŭ kiel taksas pri ĉi tiu malnovverko "Hakai". Se mi trovus iam okazon, mi demandus al ili.

Kaj ĉu Gennadij jam legis ĝin en sia denaska lingvo aŭ en la japana? Li devus legi ĝin. Ĉar por mi de Toson Ŝimasaki, se oni formetus "Hakai" restos nur Ŝimazaki... tia nomo troviĝas ie ajn. Neniu rekonas. Sed Toson estas aparta.

* Cetere troviĝas citita poemo de Ŝ. Toson en "Nudpieda Gen" vol. 10 ne en Esp-versio, sed en kelkaj naciaj lingvoj.

***bastarda ljo***

********************

Kara Ĵak !

Sabaton okazis la jara asembleo de Espéranto-Clermont-Ferrand. Ne estis problemo por renovigi la abonojn. Do la klubo plu abonas LKK.on.

Iu diris, ke LKK estas samstila kiel Charlie Hebdo. Alia respondis, ke tamen vi riskas malpli. Efektive mi ne kredas, ke teroristoj venos ĝis Thaumiers.

Kompreneble mi estis unu el la 7 milionoj da Francoj, kiuj aĉetis la "numeron de la postvivantoj" de Charlie Hebdo. Komence mi ĝin ne kaptis, ĉar mi ellitiĝas tro malfrue. Sed poste afabla gazet-vendisto bonvolis ĝin flankenmeti por mi.

Mi demandas min, kiom el tiuj, kiuj legis la revuon antaŭ 2015, akceptus, ke oni karikaturu ateismon. Mia sperto estas jena :

- kiam mi en "Laŭte !" aŭdacis karikaturi ateismon, tio ŝokis fervoran ateiston, kiun antaŭe tute ne ŝokis ekzakte samnivelaj karikaturoj de kristanismo kaj islamo
- Ivo Peyrault aktivis por socio, en kiu nur ateistoj rajtu sin esprimi

Mi bedaŭras, ke ĝenerale la angla-lingvaj gazetoj ne kuraĝis reprodukti la kovrilpaĝon de Charlie Hebdo. Tamen mi preferus esti regato de la reĝino de Anglio, estro de la ŝtata eklezio, ol civitano de Albanio en la tempo de Enver Hodja.

Amike.

***Jacqueline Lépeix***

Kara Ĵak,

Laŭ mi la juvelo de LKK 154 estas la artikolo-eseo "*Kiu kulpas pri islama terorismo*" de A. Vltchek. Malofte mi legis, en iu ajn lingvo, tian sintezan, precizan analizon pri la rilatoj inter Okci-dento kaj Islamo! Mi fieras, ke ĝi aperis en Esper-anto. Ĉu mi rajtas ĝin traduki italen kaj publikigi ie?

Kompreneble mi devus citi la originan fonton, kiun mi ne konas, de la artikolo.

***Sen Rodin***

************

Karaj Ĵak kaj Russ, ĉi-matene en la subtera fervojo mi legis la plej belan artikolon de la lastaj tempoj: Kiu kulpas pro islama terorismo? de A. Vitchek kaj tradukitan de Russ.

***Renato Corsetti***

************

# Ĉu vere islama terorismo?

## *Ian Fantom*

Mi legis kun granda intereso la artikolon de Andre Vltchek 'Kiu kulpas pri islama terorismo?' (La Kancerkliniko, numero 154, aprilo-majo-junio 2015), kiun bonvolis esperantigi por ni Russ Williams. Vltchek certe pravas pri la hipokriteco de la okcidentaj 'kristanoj', kiuj mem kulpas pri ĉio, pri kio ili akuzas la islamanojn. De tempo al tempo mi aŭdas similajn pledojn de britaj islamanoj, sed nenion tiom elokventan mi ĝis nun trovis kiel tiu artikolo. Mi estis pasintjare en publika kunveno de mia loka parlamentano por diskuti pri la 'problemo'. Islamanoj tie provis klarigi, ke ĵurnalistoj konstante raportas negativaĵojn pri la islamanoj, sed ignoras pozitivajn aferojn. Iliaj komentoj estis daŭre mar-ĝenigataj, do mi elparolis por subteni, kaj provis klarigi laŭ mia eblo pri la falsado de la akuzoj en la kazo de la londonaj teroratakoj de la sepa de julio, 2005. Post la kunveno mi diris al kelkaj el ili, ke la islamanoj ŝajnas la solaj kiuj komprenis min. Ili ridis simpatie.

Tamen la leganto povus esti lasita kun la impreso, ke kulpas 'kristanoj' nur en la hipokriteco kaj provokado, sed ke finfine la islamanoj mem plenumas la raportatajn teroratakojn. Sed eĉ en la artikolo troviĝas sugesto, ke ne ĉio estas kiel ĝi ŝajnas esti. La aŭtoro aludis al la eksplodoj en Balio kaj Ĝakarto, sed plue demandas, "Aŭ ĉu ili eĉ faras tion, vere?", kaj tiam daŭrigas: "Eksa Prezidanto de Indonezio kaj progresema islama kleriko, Abdurrahman Wahid (forĵetita el posteno de la elituloj), iam diris al mi: 'Mi scias, kiu eksplodigis la hotelon Marriott en Ĝakarto. Tio ne estis atako de la islamistoj; ĝin faris la indoneziaj sekretaj servoj, por pravigi sian ekziston kaj buĝeton, kaj por plaĉi al Okcidento". Multo pri tiu 'islama terorismo', pri

kiu ni aŭdas pli-malpli ĉiutage en la orvelaj amaskomunikiloj, estas falsita.

Konsideru la jenajn punktoj:

* La 'jaroj de plumbo' en Eŭropo estis orkestrumitaj ne de maldekstruoj, sed de la sekretaj armeoj de NATO;
* La murdo de Aldo Moro, la teroratako en la stacidomo de Bolonjo, la teroratakoj de la bando Beider-Meinhoff, kaj aliaj estis orkestrumitaj de NATO;
* La teroratakoj la 11an de septembro 2001 formis la bazon por la postaj militoj, sed la oficiala rakonto pri fanatikaj islamanoj gvidataj de Osama bin Laden estis plena da kontraŭdiroj, kaj ne povus esti okazinta;
* La oficiala rakonto pri la teroratakoj en Londono la sepan de julio 2005 estas neebla;
* en 9-11 kaj en 7-7 estis kialoj suspekti enplektiĝon de CIA, MI6 kaj Mossad;
* Post la fino de la Malvarma Milito la armilindustrio eniris krizon pro manko de klientoj, kaj pro tio starigis la grupon Carlyle Group, en kiu ĉefrolis politikistoj novkonservativaj, inkluzive de George Bush kaj Tony Blair, kaj kiu fariĝis domina korporacio en la armilindustrio;
* Alkaido estis kreaĵo de CIA por rezisti la sovetian okupon de Afganio, kaj Osama bin Laden estis agento de CIA sub nomo Tim Osman;
* Dum la tuta kontraŭterorisma milito ni aŭdis kaj vidis preskaŭ nenion de la alia flanko: Ni aŭdis pri kaŝbomboj, sed kiuj plantis ilin? Ni aŭdis pri bataloj, sed kie estas la malamikaj trupoj? Ni aŭdis pri armeo sufiĉe forta por starigi propran ŝtaton en Irako kaj Sirio, sed kie ĝi estas?
* "Ĉiuj militoj komenciĝas per miskredigo" - Sun Cu en 'La Arto Militi', verkita en la taŭisma periodo de Ĉinio;
* Unu arto de miskredigo uzata ekzemple de Churchill en la Dua Mondmilito estas ŝajnigi la ekziston de armeoj kie ne estas armeoj - la tielnomataj 'fantomaj armeoj'.

Nun relegu la artikolon, kaj vi vidos la aferon en alia lumo. La operacio de NATO - Operacio Gladio - en kiu sekretaj armeoj organizis terorismajn eventojn en 'Strategio de Tensio' por obeigi la popolamasojn, per pretekstado ke la komunistoj estas la Granda Malamiko, tutsimple daŭris post la fino de la Malvarma Milito sed anstataŭigante la komunistojn per la 'islamistoj'.

Multo el la supraj faktoj estas tabua en la Okcidentaj amaskomunikiloj. La irana televidservo Press TV iom raportadis pri tiaj aferoj, sed ĝi estis elĵetita de EU-landoj. Mi organizas en Londono ĉiumonatajn kunvenojn de nia grupo Keep Talking, kiu estas la sola restanta grupo kiu organizas formalajn ĉiumonatajn kunvenojn en centra Londono, kaj kiu rekte defias la registaron pri ties mensogaj rakontoj pri 9-11 kaj 7-7. La ĉefministro, David Cameron, deziras fermi la grupon. Mi invitis al li prelegi ĉe nia grupo por klarigi, kial li volas nin fermi, sed li ne respondis.

Necesas daŭre aperigi en Esperanto artikolojn, librojn, filmetojn kaj filmojn, pri tiuj aferoj por veki almenaŭ la Esperantistojn pri tiu danĝera situacio, kiu minacas la mondan pacon. Mi starigis retpoŝtan grupon 'verotradukado' por ĝuste tiu celo. La grupo ankoraŭ ne atingis ian krizan mason, kaj daŭre ni bezonas pli da tradukemuloj, el ĉiuj lingvoj, subtitolistoj, enretigistoj ks. Ĝi estas private grupo, ĉar alie ĝi certe estus sabotita. Legantoj de LKK kiuj interesiĝas, bonvolu kontakti min ĉe ian@keeptalking.org.

************

Nun mi jam ne legas librojn en kiuj suferas bestoj. Lastfoje ĉi tio estis en 2014 en libro de Antonio Garrido "Leganto laŭ kadavroj" (El lector de cadáveres) – supo el kato. Kaj jen en LKK-154 altiris mian atenton "La kato": ... Li proksimiĝas, kliniĝas supre... kiel entomologo... Li preferas vidi..."

Vere: "Tiu ĉi mondo estas komedio (ĉi-foje "la spektaklo") por tiuj kiuj pensas kaj tragedio por tiuj kiuj sentas" – Horace Walpole (ĉi tie ja sur p. 19 "LKK-154" "Penseroj de homoj"). Kaj en la unua parto "Neniu ekpensu ke Ĵozef Ĵerom Lalande amegis la katojn" (La kato), mi preferas alian rilaton: "Amu katon, eĉ se ĝi voros vian orfiŝon" – Vitantas Karaljus ("Paradoksa penso") Moskvo 2008), kompilinto B. Krutier).

Mi ŝatas legi prozon de Julia Sigmond kaj uzas la okazon diri pri ĉi tio (LKK-154; "Tri leteroj").

***Svetlana Konjaŝova***

# KARIKAKLAMADOJ

trad. ***Edmond Ludwig***

Neniu krimulo tiom okupiĝas pri sango kiom mia koro.

Por kato nenio pli humiligas ol morti pro ekstermigilo kontraŭmusa.

Tuj kiam mi ekvidis la mortanĝelon, mi ŝajnigis min morta.

Mi deziras, ke iuj daŭre manĝu , por ke ili ĉesu paroli.

Fiŝo senosta ege plezurigas katon.

La animstatoj de neniu homo tiom varias inter alto kaj malalto, kiom tiu de lifta priservisto.

La birdo sidinta sur telefonlinio aŭskultis la konversaciojn.

Mi plu vivas por eviti la elspezojn de memmortigo.

Mi tiom afablas, ke antaŭ ol vangofrapi iun dumvintre, mi varmigas miajn manojn.

Post kapto de la muso la kato serĉas la limdaton por konsumado.

La klasbatalo inter koko kaj kokino neniam finiĝos.

Mi petis de la mortanĝelo, ke ĝi finu mian vivon antaŭ mia vico.

La banado de fiŝo daŭras tutan vivon.

Mi admiras la humilecon de la Niagaraj akvofaloj.

Mi ne scias kian salitan pladon la fiŝo manĝis pro posta tioma trinkado de akvo.

Kiam mi rigardas mian naskiĝdaton, mi ne povas malhelpi ploradon.

Mi donacis mian renan kalkuluson al mia kuracisto.

Mi dankas al la suno pro mia ombro.

La vivo ne paŝas antaŭen sen la morto.

Mi vizitis arbon, kiu ne floris ĉi-printempe.

La adiaŭoj lasas nenian bonŝancon al bontagado.

Mi vizitis la ekspozicion de via rigardo.

L' altenŝprucanta akvo antaŭscias, ke ĝi refalos.

Por legi en tombejo ne necesas foliumado.

Mi ŝategas katon, kiu atendas, ĝis la hundo malgrimpu de arbo.

Postulema kato esperas, ke la muso estu kovrita de tomatosaŭco.

La plej agrabla memoraĵo de la kato estas la pordo de la kaĝo.

Tutan vivon la vivo nin timigas per la morto.

La bananoŝelo sin venĝas je tiu, kiu ĝin surtretis.

La rigardo de la kato estas la vojaĝkompano de la birdo.

La morto ne indas la penon de tuta vivo.

Mi ŝategas otuson, kiu ploras sur la ruinoj de la libereco.

Mi ŝategas ĝardeniston, kiu sin malsoifigas dum akvumado de la floroj.

Mi tiom mergiĝis en vin, ke mi vin vidas, kiam mi lokas min antaŭ spegulon.

Mi priploras la sorton de tiu, kiu ŝatus vekiĝi de la dumdorma senzorgeco per la sonorado de sia vekhorloĝo.

Mi ŝategas la silenton, kiu azilpetas ĉe la krio.

Ĵus kiam mi ĝin trovis, mi perdiĝis.

Mi tiom kuniĝis kun vi, ke kiam vi ne apudestas, mi ne trovas alireblon al mi mem.

Mi petis, ke post mia forpaso oni min deponu en kokonon de silkoraŭpo.

Ni havas sopirojn komune perditajn.

Kiam vi ne apudestas, miaj ridetoj ekploras.

La silento loĝadas en la tombejo.

La silentaj paŝoj de la vojaĝantoj pezas prolace.

La laca vojaĝanto ripozas en la silento de siaj paŝoj.

Mi daŭre malakuratas je miaj rendevuoj, tiel ke mi atendas neniun krom mi.

Amasigado de flustroj naskas krion.

Iu, kiu diras ĝis revido antaŭ ol deziri bonan tagon eldiras sian lastan vorton kiel la unuan.

Kiam mi fermas miajn okulojn, mi vidas plej proksime vian vizaĝon.

Mi ŝategas kombilon, kiu glatigas la perturbitajn pensojn.

Mia koro superfluas la limojn de Irano kaj riĉiĝas per la mondo.

Mi elreviĝas, kiam mi nenion atingas, tendante la manon al la senfineco.

Por eviti interrompon de mia legado mi petis, ke oni loku mian tomboŝtonon renverse.

Trudpremita cirkelo desegnas ovalojn.

La plej bela pejzaĝo, kiun mi vidis dum mia vivo, estis somera nokto, kiam la luno ne plu moviĝis kaj kiam ĉiuj steloj ariĝis por ĝin puŝi antaŭen.

**Parviz Shapour (1924 - 2000)** estas la eksedzo de **Forough Farrokhzad (1934 - 1967)**, fama irana poetino kaj batalantino por la rajtoj de la virinoj.

## SENTENCO DE ERRICO MALATESTA

(1853-1932, anarkiisto kaj verkisto, teoriulo de la anarkiista movado, pasigis 10 jarojn de sia vivo en karcero kaj grandan parton en ekzilo).

La malbonoj kiuj suferigis kaj suferigas la homaron – krom tiuj kaŭzataj de damaĝaj naturfortoj – dependas ĉefe de tio: la homoj ne komprenis ke la akordiĝo kaj la frata kunlaboro estus la plej bona rimedo por havigi al ĉiuj la plej eble grandan bonon; la plej fortaj kaj plej ruzaj el ili volis submeti kaj ekspluati la aliajn kaj, konkerinte avantaĝan pozicion, ili volis certigi al si ties posedon kreante por ĝin defendi ĉiaspecajn stabilajn trudrimedojn. De tio dependas, ke nia tuta historio estas plena de sangaj luktoj: de unu flanko perfortoj, maljustaĵoj, ferocaj subpremoj, de la alia flanko ribeloj.

# La kanto de Gilgameŝ

**Tria tabulo**

**trad. *Stéphan Brault***

El la okuloj de Enkidu elverŝiĝis larmoj kaj lia koro premiĝis. Li vespiris dolore kaj respondis: «Kiam mi kuradis kun la gazeloj en la sovaĝejo, mi malkovris la cedararbaron. Dek mil leŭgojn ĝi etendiĝas ĉiudirekten. Por protekti ĝin, Enlil kreis Humbaba-on, opresanton de la homaro, kaj armis lin per la sepobla teruro. Ĝia rorego estas inundo, ĝia faŭko, forĝoforno, kaj ĝia spiro, mortigilo! De cent leŭgoj for li povas aŭdi ian ajn susuradon en sia arbaro. Kiu aŭdacas eniri ĝian arbaron, tiun frapas malkuraĝo. La gardisto de l' arbaro neniam dormas. Kial vi volas riski vian vivon en tia batalo?»

Gilgameŝ rebatis: «Jen pro timo vi tremas! Kien forkuris via forto kaj kuraĝo? Lasu min iri unue, kaj sekvu min. Vi kuraĝigos min, dirante: "Antaŭen! Gvatas neniu danĝero!" Kaj se mi pereas, estos post konkero de porĉiama famo. Oni prikantos min, kaj diros: "Li alfrontis la kruelan Humbaba-on", kaj longe post mia forpaso, mil buŝoj rakontos mian legendon. Venu, amiko. Iru ni al la forĝejo. La forĝistoj prilaboros la metalon de niaj armiloj en nia ĉeesto».

Tenante unu la alian per la mano, ili iris al la forĝejo. Tie, la forĝistoj ricevis la ordonojn de sia reĝo. Kune ili eksidis, kaj konsiliĝis inter si. Por Gilgameŝ kaj Enkidu, ili prilaboris pezajn hakilojn, du hakilojn po tri talantoj ĉiu, kaj longajn glavojn kun helbronzaj fortikaj klingoj, du klingoj po du talantoj ĉiu, kaj riĉe ornamitaj pomeloj de tridek minoj. Por Gilgameŝ kaj Enkidu ili ja diligentis, kaj la armilojn kiujn ili prilaboris neniu alia homo povis levpreni!

Sur la granda placo, la loĝantaro de Uruk kuniĝis, la Urukanoj amasiĝis. Al la kuniĝinta popolo, Gilgameŝ anoncis: «Mi eniros la cedararbaron, kaŝejon de Humbaba. Ja vidos mi propraokule la kreitaĵaĉon, kies fifamo plenigas la mondon. Mi montros al la tuta lando la forton de la filoj de Uruk. Mi pereigos ĝin meze de la cedararbaro, kaj konkeros porĉiaman gloron

Aŭdinte sian reĝon, la plejaĝuloj kaj konsilistoj de Uruk-la-granda-bazarejo respondis: «Via juneco kaj torenteco ĵetas vin antaŭen, Gilgameŝ, sed vi ne mezuras la danĝeron de entrepreno tia. Al la mortemaj homoj Humbaba malsimilas; kontraŭ liaj armiloj nenia rezisto eblas. Dek mil leŭgojn la arbaro etendiĝas ĉiudirekten. La rorego de Humbaba estas inundo, ĝia faŭko, forĝoforno, kaj ĝia spiro, mortigilo! De cent leŭgoj for li povas aŭdi ian ajn susuradon en sia arbaro. Kial vi volas riski vian vivon en tia batalo?»

Aŭdinte la plejaĝulojn kaj konsilistojn, Gilgameŝ al sia amiko Enkidu parolis per voĉo tondra: «Mi eniros la cedararbaron de Humbaba. Kun vi ja penetros mi ĝis la koro de la arbaro, kaŝejo de la monstro. Amiko mia, akompanu min al la Granda Palaco, loĝejo de Ninsun, la reĝino senegala. Senlima estas ŝia komprenivo, kaj per saĝeco ŝi superas ĉiujn aliajn. Ŝi konsilos nin pri la vojo sekvenda».



Tenante unu la alian per la mano, ili kune iris al la Granda Palaco, al la loĝejo de Ninsun, la reĝino senegala. «Aŭdu min, Ninsun, saĝeco vivanta. Al la lando de Humbaba aŭdaco kondukas min. Nekonatan vojon mi devos trakuri. Por malcerta venko mi devos batali. Ĝis mi alvenos al la cedararbaro, ĝis mi pereigos la teruran Humbaba-on, ĝis mi revenos al mia naskiĝloko, preĝu por mi al Ŝamaŝ. Se mi sukcesas, se mi revenas, gloran oferadon mi faros al la dio.»

Ninsun eniris sian ĉambron. Ŝi vestis sin per robo inda je ŝia dia korpo kaj surmetis juvelojn indaj je ŝia dia brusto. Ŝi ĉirkaŭigis sian talion per buntkolora zono kaj surmetis sian tiaron. Tiam ŝi supris al la tegmento de la palaco, al la altaro de la suno. Bruligante incenson, ŝi levis la brakojn petege. «Kial, Ŝamaŝ, tian tumulteman koron vi donis al mia filo, Gilgameŝ? Kial malbeni lin per ĝi? Jen vi inspiris al li nekonatan vojon trakuri ĝis la lando de Humbaba, kaj por malcerta venko batali. Ĝis li alvenos al la cedararbaro, ĝis li pereigos la teruran Humbaba-on, ĝis li revenos, rekomendu lin al Aja, la tagiĝo, via koramatino, kaj kiam silentos la tago, konfidu lin al la steloj, gardistoj de la mallumo, kaj al Sin, la nokto, patro via.» Kaj la ritaj paroloj alsupris meze de la fumkirloj.

Tiam, ŝi venigis Enkidu-on kaj lin instrukciis: «Enkidu-la-fortulo, vi estas ne sinido mia, sed mi rigardos vin kiel mian propran filon. Vi estos mia alia filo, kiel la trovituloj alportitaj al la templo. Servu Gilgameŝon, kiel trovituloj servas la templon kaj la pastrinojn de la templo, kiuj edukis ilin». Je lia kolo, ŝi pendigis amuleton kaj diris: «Al vi mi konfidas mian filon; revenigu lin sekure».

Tiam, la tuta popolo amasiĝis ĉirkaŭ la vojaĝontoj. La tuta popolo alpremiĝis al ili, kaj la plejaĝuloj kaj konsilistoj diris: «Tiu kiu iras avangarde protektas sian kunulon. La gvidanto, kiu bone konas la vojon protektas sian amikon. Lasu Enkidu-on iri unue, li jam trakuris la vojon al la arbaro, li jam vidis Humbaba-on kaj li estas batalsperta. Lasu lin transiri unue la trans-pasejojn. Lasu lin gvati nokte ĉe la kampadejo. Enkidu protektu sian amikon; li gardu sian kunulon kontraŭ la danĝeroj de la vojo. La konsilistoj de Uruk konfidas la reĝon al vi, Enkidu. Revenigu lin sekure».

Kaj turninte sin al Gilgameŝ, ili diris: «Ŝamaŝ plenumu vian ardan deziron venki. Li faligu ĉiujn barojn kaj malfermu la vojon al vi. En la lando de Humbaba, al kiu vi celas, lavu viajn piedojn en la rivero. Vespere, fosu puton kaj zorgu, ke ĉiam puran akvon entenu via felsako. Oferu malvarman akvon al Ŝamaŝ, kaj ne forgesu vian dian protektanton, Lugalbanda».

## ANTAŬVIDO PRI GREKIO

– vendredo, 10-07-2015

Renzi ĉion vetas sur sabata akordiĝo inter Trojko kaj greka popolo.
Por tranviligi la Mon-Povon kaj ĝian Anĝelan voĉon, li certigas:
"la akordiĝo okazos je samaj kondiĉoj kiel antaŭ la referendumo".

Tio sufiĉas por ĉion kompreni.

1 - Se Tsipras *akceptos* la akordiĝon, li subskribos sian kapitulacon, kaŭzos la ribelon de sia liva flanko (laboristoj, pensiuloj, senlaboruloj), la falon de sia estraro, la elekton de nova estraro obeema al Trojko.
La eventualan amas-ribelon oni sufokos armile kun plena apogo far EU + Obama: *por savi Grekion kontraŭ la terorismo.*

2 - Se Tsipras *rifuzos* la akordiĝon, kontraŭ li ribelos la dekstruloj (bankieroj, financistoj, faŝistoj ks). Por rezisti li devos peti la helpon de Putin. En Grekio reproduktiĝos la ukrainia situacio. Obama - kvankam kun tordita kolo – financos-armos la faŝistojn de Grekio, kiel tiujn de Ukrainio: *por savi Eŭropon kontraŭ la rusa imperiismo*.

En ambaŭ okazoj la bataleton venkos la riĉuloj, en atendo de la lasta definitiva frakasfaleto, en kiu peresos ĉiuj sendistinge, riĉuloj kaj mizeruloj, en perfekta libero/egaleco/frateco - hej hej hej hura' hura'.

Bonvolu meti sub naftalinon la suprajn antaŭvidojn. Estonte oni vidos, ĉu ili estis fantaziaj aŭ realismaj.

***Sen Rodin***

# MEMORAĴOJ PRI STEĈJO NORWELL

**de Julia Sigmond**

Antaŭ longe komenciĝis nia korespondado, kiam li vizitis esperantistojn en Rumanio, inter ili ankaŭ min. Li estis unu el la plej grandanimaj helpantoj de *BAZARO*. Ofte li aperigis ankaŭ miajn verkojn en *INTER NI*. En decembro 2014 li skribis al mi lastafoje. Mi neniam forgesos lian tre simpatian karakteron, ĉar mi tiel sentas, ke li apartenis al t.n. **veraj esperantistoj.** Jen lia lasta letero kaj lia respondo al la demando: "*KIAM MI ESTIS LA PLEJ FELIĈA EN LA VIVO?*"

***Lia lasta letero:***

2014 . de decembro . je la 30a tago pri Kristnasko 2014 kaj nova jaro 2015

Estimata Julia,

Mi esperas, ke la festosezono estis sufiĉe agrabla al vi. Por mi la lastaj tagoj de la jaro estis tute trankvilaj. Pro tio, ke mi aĝas preskaŭ 92 jarojn, kaj la sano ne estas perfekta, mi nur restis en la domo kun la familio. Mi eĉ ne eliris el la domo, apenaŭ el la ĉambro. Mi legis librojn, skribis leterojn, kaj studis matematikon. Je la 25a la familio sidis kune en la salono kaj ĉirkaŭ multornamaĵ-plena arbo (piceo). La nepino (ŝi nun aĝas 15 jarojn) estis la poŝtisto/liveristo. Ŝi liveris ĉiun donacon de sub la arbo al la ĝusta homo, kaj ĉiu observis dum la ricevinto malvolvis la koloran paperon kaj elmontris la donacon, dankis, ktp. Mi ricevis du librojn, unu pri matematiko kaj la alia pri la evoluigo de la cifereca komputilo.

Mi daŭre iom korespondas kaj angle kaj esperante. Mi ankaŭ kompostas LUMOn, organo de la Kanada Esperanto Asocio por la redaktoro, Geoffrey Greatrex, skribas leteron ĉiumonate al Marjorie Boulton, kaj studas matematikon. Nuntempe mi ripete kaj ripete rigardas kaj aŭskultas video-diskojn, kaj repetitoro venas al mia domo ĉiusemajne por helpi min. Ne gravas, ke mi jam trifoje sukcesis pri universitataj kursoj --- ĉi-foje mi studas por lerni; tio estas pli grava ol sukcesi en nuraj ekzamenoj.

Mi petas, salutu mianome al Filippo.

Ĉion la plej bonan mi deziras al ambaŭ el vi en la jaro 2015.

Samideane vin salutas Steĉjo en NovLando, Kanado

***La respondo de Steĉjo Norwell, Kanado, al la demando: KIAM MI ESTIS LA PLEJ FELIĈA EN LA VIVO?***

Mi devis longe pripensi vian demandon, kio estis la plej feliĉa travivaĵo de mia vivo. Mi vere ne scias kiel elekti. Estis tiom da. Mi pensas pri la tago en kiu mi ricevis la kuracistan diplomon. Mi pensas pri la tago kiam mia filino naskiĝis, kaj egale pri la tago kiam ankaŭ ŝi ricevis sian atestilon: "Doktoro de Medicino". Mi pensas pri la unua ĉeesto en Universala Kongreso kaj ankaŭ pri alia kongreso, en Vieno, kiam mi prelegis pri melanomo. Mi pensas pri tutnokta aŭtoveturado (efektive, parto de la nuptovojaĝo) tra la Amar-radikaj (Bitter Root) Montoj, pri la sovaĝaj cervoj en la praarbaro kaj la ekvido de la aŭroro de la monto-supro, super la nuboj. Mi pensas pri la tago, kiam post ses jaroj da senĉesa enhospitala laboro mi sukcesis la lastan ekzamenon kaj fariĝis ĥirurgo kun la plej alta diplomo. Kaj mi pensas pri miaj pacientoj, pri la prizorgado, pri la operacioj, pri sukcesoj kaj pri ŝajnmirakloj.

Tamen, mia menso turnas sin al relative negrava afero, kiu okazis frue en mia ĥirurgia kariero. Mi tiam laboris en malsanulejo en Anglio kaj miavice deĵoris en la departemento por urĝaj kazoj. Alvenis per ambulanco mezaĝa viro kiu apenaŭ povis spiri. Ĉe ĉiu enspiro estis stertoro, kaj la muskoloj de la kolo forte kontraŭiĝis dum li baraktis spiri. La haŭto bluiĝis. Li estis konscia kaj ŝajnis ĉion kompreni, sed li tute ne povis paroli. Rapida ekzameno de la laringo montris ion, sed kion? Pro inflamo kaj ŝveligo oni ne povis diagnozi. Ni povis nur diri, ke estas obstrukcio de la laringo kaj ke li baldaŭ mortos sen rapida ago. En tiu situacio oni povas urĝe fari aperturon en la traĥeo sen anestezo, sen antisepsaĵo, eĉ sen instrumentoj krom tranĉilo. Tamen mi taksis ke ni havas iom da tempo. Mi havis bonan teamon. Tuj ni kune puŝis la radobrankardon al la operaciejo.

La anestezisto ne volis riski enigi tubon tra la nazo en la traĥeon por administri ĝeneralan anestezon. Do, necesis injekti loke anestezan drogon. La operacioto ripozis sur la tablo, duone sidante. Li konsentis per kapmovo, kiam mi klarigis

kion ni devos fari. Ĉiam preta agi pli rapide, se la stato de la paciento malpliboniĝus, mi aplikis antisepsaĵon al la antaŭkolo, dum la flegistino alportis instrumentojn. Al la paciento mi diris, ke li sentos pikadon de la nadlo, kaj mi kreis trans la kolo ŝvelstrion en la haŭto por anestezi. Mia asistantino metis sterilajn drapojn ĉirkaŭ la ĉegorĝa incizloko. Mi injektis en la pli profundajn histojn, ĉiam parolante al la paciento, ĉiam taksante: ĉu ni havas tempon? "Mi tranĉos la haŭton. Movu iomete la manon se vi sentas doloron." Ni dividis la haŭton kaj suban muskolon per transa incizo. Ni ĉesigis la sangofluon. La paciento akceptis ĉion rimarkeble trankvile en la cirkonstanco. Pli da anestezaĵo, pli da sekcado. Nun ni vidis la traĥeon. Ni nombris la ringojn. Mi informis la pacienton pri kio okazos. La elmetala traĥeostomio tubo preta, ni tranĉis la antaŭan parieton de la traĥeo. La paciento eltusis mukon kaj sangon (tio ĉiam okazas). Mi plivastigis la truon kaj mia asistanto glite enmetis la tubon. Nun la paciento povis libere spiri! La baraktado por aero ĉesis. Normala koloro revenis al lia vizaĝo.

Dum ni definitive fermis ĉiun etan punkton de sangoelfluo kaj riparis la vundon per fadenkudrejoj kaj metalaj vinktoj, mi klarigis al la paciento, ke li povos paroli. Li devos nur profunde enspiri kaj meti fingron sur la ekstera aperturon de la tubo. Fakte, post kiam ni pansis la vundon, mi montris al li per mia propra fingro kaj poste instruis lin fari same. La urĝa situacio finiĝis. Mi dankis la teamon, kaj la paciento ankaŭ dankis per sia propra (sed ne normala) voĉo, fingro sur la aperturo.

Je la sekvanta tago laringologo ekzamenis nian pacienton. Ankaŭ tiu specialisto ne povis definitive diagnozi, sed li vidis ion kaj suspektis kanceron. Post pluraj tagoj la laringologo operaciis la pacienton kaj eltiris dentopontaĵon el la laringo. Je kelkaj tagoj poste la paciento ne plu bezonis la traĥeostomion kaj ni eltiris la tubon. Nun li povis danki per normala voĉo.

Kial mi estas tiom feliĉa pri tiu tago? Mi eĉ ne memoras la nomon de la paciento. La operacio ne estis eksterordinara. Multaj ĥirurgoj faris tian centfoje, eble milfoje. Eble estas, ĉar tio okazis frue en mia praktiko. Mi sentis, ke ni faris ĉion precipe ĝuste kaj ke la operacio, malgraŭ la neceso rapidi, progresis tute glate. Povas esti ke mi iom fieris, ke ni povis helpi la pacienton en teatra kaj decida situacio. Estis kvazaŭ mi estus metiisto, kaj mi spertis la ĝojon de kompetenteco en mia elektita laboro.

Steĉjo Norwell

# Io ajn

## de Sara Larbar

### trad. el Yolik *Lilia Ledon*

*Jen mia sekreto. Ĝi estas tre simpla: oni vidas bone nur per la koro. Tio, kio estas esenca estas nevidebla por la okuloj. (La Eta Princo – A. de Saint-Exupéry)*

ENTUTE – ALIEL – KUNE

LASTAN NOKTON nigraj problemoj tie kaj jene
ĉefe akraj konfliktoj, plagoj, tondroj
ĉie malvenko kaj malgajno kaj blasfemo
ĉar la mondo estis malnova, dorna kaj horora
pro ega frenezo kaj ega malamo kaj ega sufokiĝo
kaj ega timo

TIAM HODIAŬ la moko gaja kaj supera de la sorto
alvenas
kun la naskiĝo de la fenikso mistika kaj silenta
cele al ludo mallonga kaj feliĉa.

SED MORGAŬ VESPERE estos la fino, la fajro
kaj la kriado
ĉi tiu mutacio tiom dolora kaj grandega
la skuo kaj la tremo
BUM! Subite okazos la beno kaj la ĝojo
sendube stranga kaj konfuza komence
tamen tuj ekos la ĉiela lumo kaj la bona brilo kaj la
bela korinklino
vere tiom da floroj kaj karaj sentoj
ene de unuiĝo
UNIVERSALA

# Klaŭno

## *Henri Michaux*

## *trad. Lilia Ledon*

Iam.
Iam, eble baldaŭ.
Iam mi elŝiros la ankron kiu katenas mian ŝipon for de la maroj.

Kun la kuraĝo-speco necesa por esti nenio kaj nenio plu ol nenio, mi ellasos tion, kio ŝajnis nedisigeble apudesti min.

Mi ĝin eltranĉos, mi ĝin renversos, mi ĝin frakasos, mi ĝin rulfaligos.
Fulme elverŝante mian fian pudoron, miajn fiajn kombinaĵojn kaj sinsekvojn "kunĉenigatajn",
Elpuriĝinta je la absceso esti iu, mi denove trinkos la nutran spacon.
Pere de ridindaĵoj, de defaloj (kio estas defalo?), de diskrevado.

Per vakuo, per totala distriĝemo — memspitado — elkraĉado, mi forpelos de mi la formon kiun oni kredis tiom bone kunligita, kunmetita, kunordigita, harmoniigita kun mia ĉirkaŭularo kaj miaj homfratoj (tiom indaj, tiom indaj, miaj homfratoj).

Reduktita al humileco de katastrofo, al perfekta niveligo kiel post granda ektimo.

Kondukita plej malalt-ŝtupen ĝis mia reala rango, al la sensignifa rango kiun mi ne scias kia ideo-ambicio igis min rezigni.

Neniigita rilate al graveco, rilate al memestimo.
Perdita en fora loko (aŭ eĉ ne), sen nomo, sen identeco.

**Klaŭno**, buĉante ene de moko, ene de groteskeco, ene de rideksplodo la signifon kiun, kontraŭ ĉiuj lumoj, mi estis por mi farinta pri mia graveco.

Mi plonĝos
Sen monujo en la senliman spiriton tie subkuŝantan, apertan al ĉiuj,
mi mem aperta al nova kaj nekredebla roso

rezulte de daŭra klopodo esti nula
kaj plata
kaj ridiga...

Klaŭno.
Henri MICHAUX, "Peintures" (1939) , *L'Espace du dedans*, Poésie- Gallimard, 1966



Victor Hugo



9. The chain. *La chaine.*

Victor Hugo



H. Michaux. *Pérpensive*. 1955. huile sur carton.

Henri Michaux

# La kato

Laŭ ĉiuj ĝiaj statoj

De **Jean-Louis HUE**

Traduko de ***Ŝarl Erik d'Arroy***

8

Evoluado de kato entenas nur unu akton.

Dekoracio ne lacigos la maŝinistojn. Je la fino de la tria erao, tri jarmilionoj antaŭ Kristo : la arbaro fariĝis savano; la triceratopsoj, « guanodoj », diplodokoj kaj aliaj embarasaj saŭroj de longe reiris kulisen. Anstataŭis la mambestojn. Homo ankoraŭ stumblis kaj malnodis ankilozitajn fingrojn. Sed kato jam perfektiĝis.

Ŝprucanta el konfuza stoko da etaj karnovoruloj kiel genotoj, kato armiĝis entireblaj ungoj, akrigis siajn kaninojn, kreskigis sian masivan globan kranion. Nur doktaj nomoj tiam ĝin embarasis : Oni diras ***Panthera pardoides, Panthera palaeo-sinensis***, aŭ ***Felis lunensis***. Cetere, ĝia portreto postulas nenian retuŝon. Kelkaj megalomaniaj-specoj provis doni al si incizivojn longajn kiel klingoj de cimitaro au kiel sokoj de plugilo. Sed tiuj mallertaj superŝarĝoj per si mem malaperis, kun-faligante ***Diniktis-n***, ***Smilodon-n*** kaj sabrodentajn tigrojn.

La felisedoj reproduktas daŭran anatomian modelon kiu adaptiĝas al ĉiuj staturoj. La plej eta kato, ***Felis nigripes*** kiu paŝas la sablojn de afrikaj dezertoj je la pintoj de siaj nigraj kruroj, malpli ol du kilogramojn pezas. La plej impona, tigro, pli ol tricent. sed ili estas homotetiaj figuroj.

Tiu tro kunligita familio malamikiĝis kun naturalistoj. Ili ne konsentas pri sia klasifikado. Kompromiso permesas nombri tridek ok speciojn disigitajn lau tri genroj. Sed kelkaj konataj bestoj ne enestas. Neniu ĉasisto sukcesis ekvidi ruĝbrunan katon de Borneo. Dekduo da feloj kiuj sekiĝas en muzeoj, pruvas la ekzistadon de « Kolokolo » el Andoj. Koncerne la kato de « Bieto » kiu ŝtelvagas inter Ĉinio kaj Tibeto, ĝi rezignis nur kvin felojn kaj kraniojn, plie unu specimenon en kaĝo ĉe zoo de Pekino.

Metita kun genro Feliso, hejma kato sin kaŝas en genealogia tre dorna vepro. Du specioj longe kverelis pri sia deveno : ***Felis Sylvestis***, sovaĝa kato el eŭropaj arbaroj, obstinulo kiu lasis kreski siajn vangharojn kaj surmetis pezan gabardinan pluv-mantelon; ***Felis lybica*** afrikano plej distingita kaj maldika. Tiu mistero pri deveno klariĝis sur neŭtrala grundo, en Ĝenevo, urbo kie la pufvangaj cignoj ornamas ĝian ŝajnan kvietecon ĉar ili flosas sur la lago kiel ŝaŭmkirlitaj ovoblankaĵoj. Tie, Paŭlo Schauenberg laboregis kaj buĉis multajn katojn.

Tiu viro grandas kiel tradicia montano, kun glaĉerblua rigardo kaj malrapida parolmaniero; li ne fidas spekulativajn ideojn same kiel degelon; li gardas siajn piedojn algluitajn sur la grundo kiu, en tiuj regionoj, estas el granito. Serĉanto en la urba muzeo, li senkomplekse konfesas ke li manĝis sovaĝan kataĵon kaj ke ĝi bongustis. Ja bona scienc-isto, li atente rigardis ĝiajn postrestaĵojn. Lia kariero komencis en naturscienca muzeo de Nancy. Tiu loko mortenuas, kie la felisa galerio loĝas vitran ŝranketon. La pajloŝtopaĵoj montras gipsan langon, tristan felon kaj preskaŭ sennukleadajn okulojn. Je la ekstremaĵo de la ĉambro, ilin fikse rigardadas kapo de pendjuvela porko ŝraŭbigita sur ligna medaliono. Tiu muzeo plenplenis, en tirkestoj, da kataj ostoj nek identigitaj nek klasitaj. Schauenberg decidis bonordigi kun la zorgemo de tiuj kiuj scias faskigi branĉetojn.

Komence li apartigis la kraniojn. Lia rang-metodo baziĝas sur mezuro de krania indico. Per glitmezurilo li mezuris la longecon de ĉiu kranio, poste, li ĝin plenŝtopis da plombaj grajnaĵoj pri la enteneco. Laŭ divido de la unua nombro per la dua li havis sian faman indicon. La afero fariĝas klera kiam oni ekscias ke ĉiu specio apartiĝas per propra indico. La kalibrado rilatis al ducent deksep kranioj de ĝenevaj domaj katoj kiujn oni estis forportintaj al rubejo kaj kiujn Schauenberg mem skrapis, purigis kaj brogis en premmarmito; cent tridek naŭ kraniojn de Felis sylvestris; multajn kraniojn senditajn de la muzeoj el tuta mondo, Tokio, Bonaero, Stokholmo, Romo, Johanesburgo; kaj, por sumigi, kelkajn dekojn da egiptaj kataj kranioj malkaŝitaj el natur-sciencaj muzeoj de Londono kaj Liono. Tuttute, tri mil kranioj estas mezuritaj. Je la okazo, Schauen-berg muldis proksimume kvarcent cerbojn, etajn lateksajn globojn kiujn li ŝutas el plasta sako, kiel kamparano kiu laŭdus sian juglandan rikolton.

Hejma kato havas etan kapon : tridek tri kubaj centimetroj estas la cerba enteneco de tegmentkato, tridek ses por siama kato, kaj malpli por abisena

kato aŭ persa . Des pli delikatiĝas la raso, des pli ŝrumpas la cerbo. El ĉiuj ***Felis sylvestris*** pligrandas per pli ol tridek kvin kubaj centimetroj, eĉ foje ĝis kvindek. Tia enteneco ĝin ekskluzivas ĉe genealogio de hejma kato. Kaj la mezuradoj de Schauenberg montras kiel prapraa besto, sovaĝan katon kun pli modestan cerbon : ***Felis ornata***, kato el la stepoj kiu hodiaŭ ankoraŭ vivas en Hindio. Tiu besto, sable blonda kun fiera aspekto, unue estus malsovaĝigita de la Egiptoj. Ĝi miksiĝintus kun ***Felis libyca*** ĉirkaŭ la piramidoj, poste, alveninta Eŭropon, konus ***Felis sylvestris***. Tiuokaze ĝi perdintus elegantecon sed gajnintus fortikecon.

Ĉiuj tiuj eblaj krucaĵoj, kiujn oni daŭre pridiskutas, bedaŭrigas al ni ke la kato ne havas la kvalitmarkon de la bonaj kafoj, ian 100% *Libyca*, aŭ 100% *Ornata*, kiel tiuj etikedoj kiuj promesas ian 100% *Arabica*. Ĉar li volis kontroli la pravecon de tiuj miksaĵoj, Schauenberg ja krucigis katojn. Laŭ sia amplekso, liaj rasmiksadoj similas al liaj indicaj kalkuloj. El Tajlando li importis paron da bengalaj katoj, el Pakistano kvar sablajn katojn, el Sovetunio paron da « manuls ». Poste li ĉiel miksis. Hejma kato pariĝis kun ***Libyca bosvana*** aŭ kun ***Libyca el Irako***. Kelkaj bredistoj fiere kaj emocie diris sian rifuzon je tiaj miksaĵoj laŭ la proponoj de Schauenberg, kiu ankaŭ estas vic-prezidento de la tre honorinda Svisia Katklubo. Tiaj krucaĵoj neniam fierigas. Sovaĝa kato trudas sian morfologion kaj sian koloron. Ili forigas la distingaĵojn de la hejma kato, kiel se ili estus nur artifikoj.

Pri tiuj katoj, eŭtanaziitaj dek ok monataj, restas ostarejo. Ĉiu besto loĝas en saketo, metita en skatolo super ŝranko, kun ĝia kranio, ĝiaj longaj ostoj, ĝiaj du unuaj vertebroj, ĝiaj skapoloj, ĝiaj iliakaj ostoj kun sakro. La pakaĵo havas kodan nomon. Ĝi estos pli poste malfermata kaj elpakita. Ne urĝas al Schauenberg, li vivas en Svisio : por ĉiu faro estas horo.

# Sezonoj

## Robert Desnos

trad. ***Marcel Lemeltier***

La tago estas sur sia loko kaj fluadas ĝis noktofino
Krom se nia memo altiĝas tra spacoj
Supermetataj en la memoro, senbalastigante
La cerbon kaj koron de tenacaj memoroj.

Someroj, fortikaj someroj, eĉ via nomo foriras.
Esti, estinte, tempopasigo kaj printempo
Ĝi pasas, ĝi pasis, kiel akvo kiu neniam laciĝas
Sen cikatroj, sen atestantoj, sen lagetoj

Sezonoj, vi amegas almenaŭ la tritikogrenon
Kiu ĝermos dum la degelantaj tagoj, kaj la ŝlosilon
Por malfermi al la eliroj la ĉaristajn pordojn

Per vi en la ĉielo la astroj ariĝas
La jaro baldaŭ finiĝos kaj troŝarĝitaj paŝoj
Trenas sur la vojoj kiuj revenigas al la landlimoj.

# GeFadenoj *far Sir'*

## Tro 'stas tro




## Ĝis noktofino




## Sportece



# NE FACILAS

***Libella*** (elitaligis **Sen Rodin**)

Nun ne facilas
kunpartigi la vivon
dum tranĉiloj fendas la aeron
kiel glavoj celantaj la plej feblajn.
Ne facilas
senti en la vejnoj
la venenon de la netoleremo
inter ni pene trenantaj la ĉaron
en ĉi bizara vivo nesekura
regata de pupoj kies fadenojn tiras
kaŝitaj mastroj de lando
regata de unika reĝo, la mono.
Ne facilas
teni en siaj manoj
la sangantan koron
kaj la viscerojn de via kunulo
kovanta en si rabion de povrulo
perdinta la kapablon plu esperi,
kaj akcepti ilin en vian sinon
lacan kaj malsanan.
Ne facilas
pluiri sen etaj savgestoj,
sen varmigaj rilatoj
por nutri la momentojn,
kaj ne prijuĝi alies pentojn
hezitojn erarojn
en ĉi itinero el timoj
kiu ne permesas al ni
senkarnigi nian animon.
Ne facilas ami la limojn
de ni kaj de la aliaj,
kaj atendi ke en tempo
de nova silento
la nodoj de nia vivo
lantlante malplektiĝu
kaj permesu ke ni, nun surdaj,
gustumu la kaŝitajn eblojn:
ili aperos nur se ni plu serĉados
kaj pacience aŭskultos
nian bezonon veran,
nian unikan eblon
vivi vivindan vivon :
post ĉio preter ĉio
remalkovri nian esencon
transpasante la limojn
truditajn de sociaj modeloj
de sensencaj celoj.
Ne facilas
paŝi sen akvo
sur dezertoj senlimaj,
mejlojn paŝi kvazaŭ kameloj
balastigataj per antikvaj penoj.
Sed la dezerto kaŝas oazojn
kie eblos sensoifiĝi
se nia obstino serĉi ne cedos
pro duraj vivospertoj,
se ni kapablos plue rigardi
trans la konata horizonto,
preter la insidaj marĉoj,
ale al la vastaj spacoj
de ĉies liberiĝo.

# Perantoj

## tarifoj ekde 2014

| | |
|---|---|
| ARGENTINO 22 € | Argentina Esperanto-Ligo, C. Paraguay 2357 Dpto. 2, AR-1121 ABK Buenos Aires |
| AŬSTRALIO 27,50 € | Libroservo de Aŭstralia E-Asocio, c/o Stephen Pitney, 57 Denham St, Hawthorn VIC 3122 |
| BELGIO 27,50 € | FEL, Frankreijklei 140, 2000 Antwerpen Pk:000-0265338-43,Bk:402-5510531-55 |
| BRAZILO 22 eŭroj | SDS Bl.P 36, Ed. Venâncio III Sala 303, BR-70393-902 Brasília - DF |
| BRITIO 27,50 € | Esperanto-Asocio de Britio, Station Road, Barlaston, Stoke-on-Trent, ST12 9DE, Britio. |
| DANIO 27,50 € | A. Casper, Bryggervangen 70, 4.tv. 2100 Kopenhago, tel.+45 39 20 63 48 & +45 2140 84 87rete:arne- casper@email.dk |
| FRANCIO 27,50 € | Al la ĉefo (apuda paĝo) + UFE, 4 bis rue de la Cerisaie, 75004 Paris. 01 42 786 886 info@esperanto-france.org |
| GERMANIO 27,50 € | Vakas... |
| HISPANIO ~~(Eŭskio)~~ | Nikolas Xil Carvalho, 48 postakutxa ~~20400 Tolosa, Gipuzkoa.~~ |
| (Katalunio) 26 € | Kataluna Esperanto-Asocio, Ap, 1008 08200 Sabadell v.sole@esperanto.cat |
| HUNGARIO 18 €, | Besenyei Anna, Szerémi ú 21 IV 20 HU-1117 Budapest |
| ITALIO 27,50 € | Viŝnja Brankoviĉ, Via Parini 5, 34129 Trieste. POSTEPAY 4023 6005 5578 4968 |
| JAPANIO 27,50 € | Japana Esperanto-Instituto, Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3, Tôkyô-to 162-0042 |
| KANADO | Yves Bellefeuille 42 CAD 809 - 440 Gloucester Ottawa Ontario K1R 7T8 |
| KROATIO 18 € | K E U, c/o sekretario Marija Belosevic Sveti duh 130, HR-10000 Zagreb + Viŝnja Brankoviĉ (vd. "Italio") |
| LITOVIO 18 € | LitEA, p. k. 167 LT-3000 Kaunas |
| NEDERLANDO 27,50 € | UEA, kodo KLIK-g, Pk : 37 89 64 Bk : (Mees/Hope) 255 289 804 |
| POLIO 18 € | Jerzy Handzlik, 43-346 Bielsko-Biała, ul. Braterska 41 |
| RUMANIO 16 € | Sigmond Julia, 400310 Cluj-Napoca, Str. Vlahuţă 7/6 |
| RUSLANDO 16 € | Halina Gorecka, RU-236039, Kalingrad, k. 1248 |
| SLOVENIO | Viŝnja Brankoviĉ (vd. "Italio") |
| SVEDIO 27,50 € | Lisbet Andreasson, Kajsa Kavats gata 8 SE-242 35 Hörby |
| USONO 40 $ | Esperanto-USA, 1500 Park Av #134, Emeryville CA 94608 |

**aviadile aldonu 1 €**

**Mendu 10 malnovajn numerojn**

**(vi povas elekti mem!)**

**kontraŭ nur 20 eŭroj**

# Vendataĵoj

+ 20% por sendokosto gis 35 eŭroj - poste: 10%
Rabato 33% ekde tri ekz-oj

### La KromKancerKliniko

| | |
|---|---|
| 3. Bruoj kaj ludoj, Manceau, Saletti, Bertil | 2,75 € |
| 4. Stilekzercoj, R. Queneau/I. Ertl, **nova eldono, A5** | 5,00 € |
| 5. La Majstro kaj Margareta, Bulgakov/Long | 3,00 € |
| 7. Pala Fajro, Nabokov/Meva Maron | 3,00 € |
| 8. Letero el Palestino, Alba/Kamaĉo | 3,00 € |
| 9. Hura-A-A-A, Daniil Harms/Natan Procenko | 3,35 € |
| 10. Pro kio Esperanto? Koresponda debato | 3,70 € |
| 11. La Orelringo, de Jopetro Danvy | 3,70 € |
| 12. La ĉapo de la sterko-vermo, G. Kamaĉo | 3,80 € |
| 13. Kulturo: valoro aŭ varo? Kongresa temo '96 | 3,80 € |
| 14. Sanĝado, poemaro de Mao Zifu | 3,80 € |
| 15. Ĉi-semajne, eĉ ajn-mise, S. MacGill | 3,80 € |
| 16. Arnau - Kavlan - Septier – Sire | 4,00 € |
| 17. Elpensaĵoj/tradukoj de Bruna Ŝtono | 4,00 € |
| 18. **Alilingvaj erotikaj poeziaĵoj**, G Waringhien | 4,00 € |
| 19. Trad. de C. Gerlat (Pavloff, Sfar, Yourcenar...) | 4,00 € |
| 20. Trilingva landlim', Peter Browne | 4,40 € |
| 21. Ekzile, noveloj de Mircea Eliade, trad. I.Oneţ. | 4,40 € |
| 22. Ĉu nur unu civilizacio?, Manuel de Seabra | 4,40 € |
| 23. Senfrokiĝinto, Ŝarlerik d'Arroi | 4,40 € |
| 24. Rip Van Winkle, W. Irving, trad. I. Oneţ | 5,00 € |
| 25. Esperanto-identeco, Anatolo Gonĉarov | 5,00 € |
| 26. Arto, Jasmina Reza, trad ILO, teatraĵo | 5,00 € |
| 27. Kapitalismo, lasta akto, Sen Rodin | 5,00 € |
| 28 Gaston Couté, poemoj, noveloj, teatraĵoj | 6,00 € |
| 29. E. Ionescu, La angla sen instruisto, trad. I. Oneţ | 5,50 € |

### La KancerKlinikoKrestomatio

| | |
|---|---|
| 4. GeLKKpoetoj, LeQuint/Le Puil | 3,00 € |
| 5. Serge Sire "Revenis mi". (ĉe la aŭtoro) | 4,00 € |

### La KancerKlinikoteKo

| | |
|---|---|
| 1. Knedu min Sinjorino, R. Corsetti, **nova eld. A5** | 5,00 € |

### Speciala numero

| | |
|---|---|
| 1. Momo, Kavlan x 2, bildrak., 48-p-a (Rab.) | 5,00 € |

### Malnovaj numeroj de LKK

Elĉerpitaj : 0, 1, 2, 3, 4, 5, 6,8, 15, 23, 27, 29, 30, 31
Ĉiu numero 4,00 €

***

| | |
|---|---|
| **KD Sen elizi', Ĵak Le Puil** | **15,00 €** |
| **KD: Mi estas... Ĵak Le Puil** | 18,00 € |

(sen rabato) 14 kanzonoj, kun akompano de **Jomo**

***

### Libroj (sen rabato por "Vojaĝo", "Sonĝoj", BoRoKo)

| | |
|---|---|
| **BoRoKo, Serĝo Sir', Nova** | **15,00 €** |
| Florville kaj Courval, Sade/LeQuint-Le Puil | 5,00 € |
| Higieno de l' murdisto, A. Nothomb/LQ/LP | 9,00 € |
| **Infantravivaĵoj, Armela LeQuint** | 4,00 € |
| Kormoranoj (la), N.Gion/L.Huszar | 6,00 € |
| **La leciono, E. Ionesco/LeQuint-Le Puil** | 6,50€ |
| **La minuto preskribita..., J. Leroy/LeQuint/Le Puil** | **17,00€** |
| **La pensemaj kokinoj, L. Malerba/Ĵ. Le Puil** | 2,50 € |
| **PerVerse, kunbildaj versaĵoj, Serĝo Sir', NOVA** | 12,00 € |
| Pluralogo, de Vimala Devi | 7,00 € |
| Promeso en obskuro, M. de Seabra. Noveloj | 10,00 € |
| Rakontoj pri Sarajeva Sieĝo, Zlatko Dizdareviĉ | 6,00 € |
| Speguliĝoj, de Vimala Devi | 4,00 € |
| **Sonĝoj de kristalo, J. Leroy/LeQuint-Le Puil** | 5,00 € |
| **Varma Mezepoko, Serĝo Sir', Nova** | 12,00 € |
| **Vojaĝo ĝis noktofino, Céline/LeQuint-Le Puil** | 24,00€ |

# Su Dongpo ruĝa porka viando

## *Laŭrenco Septier*

Su Shi, eble pli konata sub la nomo Su Dongpo, ne nur estis unu el la plej gravaj poetoj de Ĉinio, sed ankaŭ delikata gastronomo. Post arestado kaj karcero, li estis sendita kiel guberniestro en Hangzhou ekde 1071. Kiam li tien alvenis, li malkovris ruinigitan kaj malkuraĝigitan popolon : la kampoj estis inundítaj pro la superbordiĝo de l'Okcidenta lago. Li mobilizis la kamparanojn por konstrui digojn, redesegni la kampojn kaj pli bone kanalizi l' akvon. Sekvantan jaron la rikolto estis bona. Oni diras, ke por esprimi sian rekonon, la kamparanoj donacis al li porkon kaj vinon. Ne scianta, kiel uzi tiun ege abundan kvanton da nutraĵoj, li ordonis sian kuiriston zorge kuiri la ricevitajn ingrediencojn laŭ ruĝa recepto kaj redistribui ilin al la kamparanoj, por ke ili pasigu agrablan novan jaron. Li precizigis al sia kuiristo donaci la porkon kaj la vinon kune, ĉine *lian jiu yiqi song* (连酒一起送). La kuiristo komprenis, ke li devas kuiri la porkon kaj la vinon kune, ĉine *lian jiu yiqi shao* (连酒一起烧). Tiu eraro ege plibonigis la guston de l'plado. Kortuŝita de lia faro, la popolo donis lian nomon al tiu plado.

La « ruĝa » kuirmaniero (红烧 *hongshao*) kompreneble neniel rilatas kun « ruĝa » Ĉinio, ĝi estas la ekvivalento de nia stufa maniero, kun uzo de sojsaŭco, hela kaj ankaŭ malhela, pli densa, kiu donas tipan malhelruĝan koloron al la tiel kuiritaj pladoj.

« Dongpo porka viando » estas varianto de baza recepto, 红烧肉 (ruĝe kuirita viando), kies aliaj popolaj kaj konataj estas i. a. *meicaikourou* 梅菜扣肉 (riĉespicita viando kun sekigita brasiko, provinco de Guangzhou, Haka minoritato), *Maoshi hongshaorou* 毛氏红烧肉 (Mao-familio ruĝe kuirita viando, Hunan provinco), k. s.

Su Dongpo travivis multajn malĝojajn momentojn, kiel vi legis en la artikolo de Hu Guozhu en LKK 154. Plurajn fojojn li estis viktimo de siaj politikaj malamikoj kaj estis punita per « ekzilo » en foraj provincoj. Sed lia filozofia sinteno, kiu referencis samtempe al taoismo, konfuceanismo kaj ankaŭ al t. n. *Chan*-budhismo (konata poste sub la japana nomo *zen*), ebligis lin vivi kun plezuro ie ajn, en iu ajn cirkonstanco. De riĉa imperia palaco ĝis mizera pajlodometo li ne povis « ne esti feliĉa ».

La jena *ci*-o poemo estis verkita en 1076 kaj ĝi tradukas la taoistan senton kaj emon resti serena malgraŭ malfeliĉaĵoj kaj malbonsorto, kaj ĝui la simplan feliĉon de ĉiutaga vivo, sento fakte proksima al tiu de plej diversaj epikuristoj.

Pri tiu « *Transa* » teraso kaj ties etoso, li skribis unu jaron antaŭe: « *Ĉiu aĵo enhavas iajn mirindaĵojn. Enhavanta mirindaĵojn, ĝi do provokas ĝojon. Ne necesas, ke ĝi estu stranga, fantazia, sublima aŭ bela. Maĉi hordeaĵon, gluti krudan vinon : ĉio ajn kapablas ebriigi ; fruktoj, legomoj, herboj kaj plantoj : ĉio ajn kapablas nutri. Tiel rezonante, kie mi povus esti malfeliĉa ?* »

• • •

**Laŭ ario « *Rigardante la Sudon de la rivero* »**

*Printempo ne maljuniĝis, salikoj ondas laŭ venteto.*
*Supre de* « Transa » *teraso mi kontemplas*
*Duonplenaj je printempa akvo, fosaĵojn de l'flora urbo.*
*Stompitaj per pluveto, mil hejmoj.*

*Post malvarma bankedo*[1] *mi suspire vekiĝas el ebrio,*
*Plu pensas nek pri naskiĝlando nek pri oldaj amikoj.*
*Ekbruligas novan fajron por nova teo.*
*Jen tempo profiti l'momenton, poezion kaj vinon.*

• • •

Klarigo de la diversaj fotoj sur p. 31 :
Ek de la meza supra, laŭ horloĝa direkto :

1. Dongpo viando kun legomoj (kun ŝnuretoj)
2. Lardo-ŝtono
3. Mao Zedong en *Huogongdian* restoracio de Changsha, kies plej fama plado 'stas « Stinka toŭfuo », pri kiu li skribis kaligrafiaĵon : « *La stinka toŭfuo de* Huogongdian *malbonodoras, sed ĝia gusto bonegas* ». Ili ja ankaŭ kuiras la 毛氏红烧肉 (Mao-familio ruĝe kuirita viando) aparte bone !
4. Dongpo porka viando (alia preparo, kun ŝnuretoj)
5. Alia, ja denove kun ŝnureto
6. *Meicaikourou* en hongkonga luksa restoracio
7. Imaga portreto de Su Dongpo, Yuan dinastio.
8. Taiwan Palaca Nacia Museo : 台湾故宫东坡肉石, t.e. « Dongpo porka viando ŝtono deTajvana Palaco », tiu jada ŝtono estas unu el la « tri trezoroj de la Palaca Nacia Museo ». (台湾故宫三宝).

La poemon elĉinigis Laŭrenco Septier

---

[1] *Qingming* tago : popola festo, kie oni purigas la tombojn kaj ne devas fari fajron ; tiel oni devige manĝas malvarmajn pladojn.







## Dongpo viando

**Ingrediencoj por kvar personoj :**
600 g de ne tro grasa porka brustaĵo (kun la haŭto)
4 supkuleroj da hela sojsaŭco
2 supkuleroj da malhela sojsaŭco
3 ŝalotoj
1 peco de zingibro (1 colo)
15 cl de Shaoxing-vino
3 supkuleroj da sukero
3 supkuleroj da oleo
1/2 supkulero de maizfekulo (*ne devige*)

**Preparado :**

1. Boligu grandan kaserolon da akvo, brogu la porkan brustaĵon dudek minutojn.
Ŝmiru per peniko la viandon per hela sojsaŭco, lasu sekiĝi.
Krude haku la ŝalotojn kaj faru trancaĵojn per la zingibro.



2. En volbopato[1] mezforte varmigu oleon kaj rostu la viandon, ĉiuflanke inkl. la haŭton.
Post dek minutoj, elgutigu sur sorba papero.
Tranĉu la viandon laŭ kuboj proks. kvin centimetrojn dikajn.
Lasu en la volbopato proks. supkuleron de la jam uzita oleo, kaj per ĝi rapide subrostu, du-tri minutojn, la zingibron kaj la ŝalotojn.
Demetu ilin, aldonu la sukeron.
Tuj kiam ĝi ekkarameliĝas, metu la klaran sojsaŭcon, la Shaoxing-vinon, bone miksu, rezervu.





3. En grandan kaserolon aŭ marmiton, metu la zingibron kaj la ŝalotojn, aldonu la viandon, kaj por fini la enhavon de la volbopato kaj la malhelan sojsaŭcon.
Kovru preskaŭ entute per akvo.
Kiam la afero bolas, kovru kaj lasu kuiri mezforte du horojn kaj duono.
Malfermu la kovrilon kaj lasu la saŭcon densiĝi.
Aldonu la maizfekulon miksita kun du supkulerojn da akvo - (*ne deviga*).
Denove kuiru tre malforte sen kovrilo dum 30 minutoj, poste bone sed delikate - la pecoj da viando nun estas tre rompeblaj !
- miksu la tuton.
Ordigu la viandopecojn sur varman pladon, bovlon aŭ supujon kaj aldonu la saŭcon.
Servu kun verdaj legomoj kaj/aŭ rizon.

[1] Aŭ *uako* (angle-kantone *wok*), ĉina pato kun volba formo, nome 锅 (pr. *gŭo*)







L.S.© !

# Al tio vi eskapis en la U.K. 2015 :













**La KancerKliniko n°155**
**Juillet-Août-Septembre 2015**
Directeur de la publication:
Jacques Le Puil,
diplomé UEA
es "Elstara Agado"
18210 Thaumiers
Imprimé par nos soins.